*Senkultura homo estas sklava besto (Cicero)* ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO



## Mantha CHRISTOU 4-a prezidanto de OSIEK

## OSIEK-PREMIO AL XIE YUMING POR TRADUKO DE 'RUĜDOMA SONĜO'

numero 84 6a de la 14a jaro 31okt99

# PRI LA GAZETO

## OSIEK-KONFERENCO
**en MOTOVUN, Istrio, Kroatio**
**15a-21a julio 2000**

*Multkultureco, multlingveco kaj kunvivado*

voĉdonado por **OSIEK-premio**



**Postkonferencaj ekskursoj**

insuloj, havenoj, groto Skocjan, ĉevalbredejo Lipica... 22, 23, 24 julio



**Informoj, aliĝoj**
ORBIS PICTUS de Viŝnja Brankoviĉ
Via Leghissa 6, IT-34131 TRIESTE, Italio
**tel./fakso** +39 040 767 875 **ret.** orbispictus@iol.it
Eric Laubacher, 1 rue de Bougainville, FR-78180
Montigny-le-Bretonneux, **tel.** +33 (0) 30 96 67 91
**ret.** ericl@iname.com
**http://osiek.org**


PRI STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

•**E**ldonanto kaj redakta rondo: Esperanto-Klubo de Metz •**R**edaktejo:
*La Gazeto FR-55210 CREUË*
•**R**edaktoro: Eugène de ZILAH •**K**unredaktistoj: K JAKOBO, Madeleine de ZILAH •**Ret**-kunlaboranto: Bruno MASALA
*lagazeto@osiek.org*
•**P**retigis ĉi tiun numeron: Frédéric kaj Mégumi SACHS, Peter WASSERMANN, Edgar kaj Paola de ZILAH •**A**bonprezo: 25 eŭroj por 6 numeroj, aere 28 eŭr. Vi povas komenci la abonon kiam ajn. Se vi ne povas poŝte ĝiri aŭ sendi poŝtmandaton bv skribi al la redaktejo; ni klarigos kiel aboni el via lando. LG ne aperas en julaŭgsep •**A**noncoj: 1/4 da paĝo, 28 eŭr. •**R**ecenzoj: bv sendi 2 ekzemplerojn de la recenzenda libro al la redaktejo.

•TTT-adreso: http://osiek.org/lagazeto

LA VENONTA NUMERO APEROS JE
**15dec1999**


Por aboni, sendu **25 eŭrojn** (160 francajn frankojn) al **LA GAZETO, FR-55210 CREUË, Francio**
poŝtkonto : **1025 02 T NANCY**
**ekster Eŭropo:** bonvolu aldoni **3 eŭrojn** (20 FF), dankon

## ABONPREZOJ KAJ PERANTARO

**Aŭstrio**: 350 ŝilingoj. d-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, 8020 Graz - Poŝtkonto: Graz 1257 845. **Aŭstralio**: 60 $ Tom ELLIOTT, PO Box 230, Matraville, NSW 2036. **Belgio, Luksemburgio**: 1050 frankoj. FLANDRA ESPERANTO-LIGO, Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen - Ĝirkonto: 000-0265338-43 Vlaamse Esperantobond. **Brazilo**: 35 US$. BRAZILA ESPERANTO-LIGO, CP 3644, Brasilia/DF 70084. **Britio**: 18,5 pundoj. Olga KERZIOUK, 61 Point Royal, Bracknell RG12 7HL. **Ĉeĥio:** 550 kronoj. Vladislav HASALA, A. Dvoráka 1, Strážnice 696 62. **Ĉinujo**: 18 internaciaj respondkuponoj senditaj al La Gazeto. **Danio**: 200 kronoj. Pierre GABORIT, Brombaervaenget 15, 2650 Hvidovre - Poŝtkonto: 612 87 50. **Finnlando**: 153 markoj. **Francio**: 160 frankoj. LA GAZETO, 55210 Creuë - Poŝtkonto: 1025 02 T Nancy. **Germanio**: 56 markoj. ESPERANTO-CENTRO, Rheinstrasse 9, 12159' Berlin - Poŝtkonto: Hannover 259658-301. **Grekio**: 9000 draĥmoj. Polyxeni ZARKADA, Placo Pavlou Kountouriotou 7/8, 11741 Athina. **Hispanio**: 4500 pesetoj. Luis SERRANO PEREZ, Font Nova 32, 08202 Sabadell. **Hungario**: 3200 forintoj. Pál KOZSUCH, Csabai u 11, 5553 Kondoros. **Italio**: 50000 liroj. Enrico MINGO, via Simone Martini 22, Isolato 19, 80128 Napoli - Poŝtkonto: 10125805. **Japanio**: 4100 enoj. Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, 162. **Kanado**: 54 $. David MOORE, PK 653, Sicamous/BC, V0E 2V0. **Latinameriko**: 34 internaciaj respondkuponoj senditaj al La Gazeto. **Nederlando**: 56 gld. ESPERANTO, Sanderuslaan 20, 3732 ET De Bilt - Poŝtkonto: 7231449. **Pollando**: 65 zlotoj. Maciej WNUK, ul. Broniewskiego 77 m. 137, 01-865 Warszawa. **Portugalio**: 5000 pesetoj. **Slovakio**: 500 kronoj. ESPERANTO, Sobotské nam. 36, 05801 Poprad. **Svedio**: 245 kronoj. **Svislando**: 42 frankoj. Christoph SCHEIDEGGER, Im Schleedorn 6, 4224 Nenzlingen. **Rusio**: ekvivalento de 12 US $. Halina GORECKA, pk 67, 620 077 Jekaterinburg-77. **Usono**: 35 $. ELNA, pk 1129, El Cerrito/CA 94530. **UEA**: 27 eŭroj = 59 gld. konto: edzi-k (ekster Eŭropo aldoni: 3,63 eŭroj = 8 gld).


Directeur de la publication: Madeleine de Zilah
Presita ĉe: Imprimerie Séris, rue de l'Etang, 57160 Scy-Chazelles. Dépôt légal: L1-1979/85

# PREZIDINTO

Kia agrabla sento scii ke mi alvenis la finon de mia prezidanteco! Mi supozas ke mi "deĵoris honeste kaj fidele" laŭ fremdalegia esprimo. Kiam finiĝos tiu ĉi Internacia Esperanto-Konferenco, la 23-an de julio 1999[a], OSIEK havos novan prezidanton. Ne ekzistas suspenso, ĉiuj ĉeestantoj scias, ke Mantha CHRISTOU, komitatano de OSIEK, organizinto de du konferencoj, unuela direktoro de la greka Nacia Banko, virino agema, plena je ĉarmo kaj ĥarismo, bonvolis akcepti ke la komitato de OSIEK kandidatigu ŝin antaŭ sia ĝenerala asembleo. Ŝi sidas dekstre en la 3a vico inter la kolegoj kaj notas ion en la marĝenon de la programfolio. Mi provas prezidi kiel eble plej prezidante: lastaj konsiloj de eksiĝanto. Kie do estas la sonorilo, bovina kloŝeto svisa, akirita antaŭ dek jaroj en Ĉaŭdefono, kiun de tiam transdonadas la sinsekvaj prezidantoj? La unua prezidanto de la societo, Vinko OŜLAK, sloveno, transdonis ĝin al la dua, Josef DÖRR, germano, kiu transdonis ĝin al tria, mi, nomado, kiu transdonos ĝin al Mantha Christou, greko. Dio volu ke tiu ĉi arigilo plue migradu dum jarcentoj kaj jarcentoj!

Jen la sonorilo. Eksilentas en la luksa prelegejo de la Metza kulturdomo, sidejo de la Esperanto-klubo de Metz.

Ni estas la 18-an de julio, dimanĉomatene, je la 10a horo.

Bruno MASALA, prezidanto de EKM kiu organizis tiun ĉi IEK-1999, donas firmavoĉe kelkajn praktikajn informojn pri la posttagmeza vizito de la urbo: Catherine GALLEGO, funkciulo de la Turismofico urba esperante ĉiĉeronos la partoprenantojn. Bone, mi pensas, ŝi flue parolas. Pli bone ne esti ĉiĉeronata, ol esti tia en etnolingvo. Kiuj volas partopreni? Estas tro da vizitemuloj. Ni dissplitas la amason en tri grupojn po dekvin, principe. Ne necesas tuj fari listojn. Ni lasu la aferon organiziĝi inter la konferencanoj. Mi havas longan sperton pri tiaj aferoj. Mi scias ke eĉ ne la duono alvenos la rendevuejon kaj el tiuj ĉi eĉ ne la duono kapablos finpaŝadi la 'normalan' turisman rondiradon. Do la prezidanto devos esti tie por trudi al la organizanto la bazan OSIEK-principon: "la aranĝoj estas por la homoj, ne la homoj por la aranĝoj". La vizitanta grupo disduoniĝos. Apud la katedralo estas la bierejo *A la Lune* kies necesejojn priskribis Raymond SCHWARTZ en *Kiel akvo de l' rivero*, ankaŭ bona celo por esperanta turismo. Nun ni lasu Madeleine de ZILAH-on prelegi pri la historio de Metz. La prelego pri la loko de la konferenco estas unu el la du ekstertemaj prelegoj laŭstatutaj – mi memorigas al la ĉeestantoj – la alia esktertema prelego pri ia aktuala aspekto de la esperanta kulturo okazos mardon. Prelegos Chris DECLERCK pri *Valoroj de la Esperanto-literaturo*. Ĉeestas ankaŭ s-ro René DE CLERCK. Ortografia eraro en la nomo de la unua senigis je dosiero la duan. La komputilo de Eric LAUBACHER, la kasisto, rapide riparas la eraron, la prezidanto pardonpetas: nenio rompita, neniu vundita. Pli malfacile estis dum alia konferenco, aliloke, kiam ni volis kuŝigi konferencanon kun sia patrino pro sameco de la familia nomo. Ankaŭ tiam la prezidanto devis pardonpetadi. Pardonpetadi estas la plejofta laboro de prezidanto... Sed mi atentu la historiiston eĉ se mi jam konas iomon el la metza historio. Cetere la atento de la homoj ekvigliĝas. Eble ne veras ke en ĉiu viro dormetas unuela porko, sed veras ke en ĉiu esperantisto maldormas ia instinkta lingvisto. La vico de vortoj sur la tabulo

DIVODURUM MEDIOMATRICORUM >
MEDIOMATRICIS (abl.) > METTIS
(*cantatis* > *chantez*) > METZ

briligas la okulojn kaj hirtigas la harojn. Kiel la gaŭla-romia esprimo *divodorum mediomatricorum* (= la dia urbo de mediomatrikoj) fariĝis la franca vorto METZ, interesas pli ol la metzano, pra-pra-praavo de Karolo la Granda, episkopo ARNOUL, aŭ la metza inventado de la gregoria ĉanto. Eĉ diskutado ekfajras. Tio ĉi ne estas kutima post prelego pri la konferencoloko, sed hodiaŭ estas en la salono pluraj specialistoj pri la merovida kaj karolida historioj. Mi ekscias ke Saint-Pierre-aux-Nonnains ne estis baziliko, kiel dirite en ĉiuj libroj kaj eĉ sur surskribaĵoj en la

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

muzeo, sed palestro. Oni ĵuse retrovis gimnastikilojn kaj aliajn nerektajn pruvaĵojn pri tio. Catherine Gallego alportis tiujn ĉi informaĵojn. La diskutado deflankiĝas de la temo. Mi rezistas al universitatana emo reorienti ĝin. La celo de OSIEK-konferencoj ne estas alveni al rezultatoj, sed paroligi kaj interrilatigi klerajn homojn, por ke ili kapablu same bone uzadi en siaj fakoj la esperantan kiel la aliajn kulturlingvojn.

Iu intervenas sen parolrajto, dume du aliaj kolegoj jam atendas sian parolvicon. Mi silente alcelis ilin per la montrofingro kaj geste informis ilin: "unue vi, kolego, due vi". Mi voĉas eble tro seke, sed sen ordo la diskutado fariĝas neĝuebla tohuvabohuo kaj la arkivkasedo estos neaŭdinda:

"Vi ne havas la parolrajton, kolego!"

La najbaro de la kolego iom incite montras al siaj du okuloj. Mi alproksimiĝas por vidi la baĝon de la ĝentile eksilentinta kolego: José STARCK. Lia nomo ne estis sur la 'provizora listo de partoprenantoj'. Oni forgesis informi min ke inter la lastminute aliĝintoj estas blindulo. Li ja ne povis vidi mian prezidantan pantomimon. Aldone, li ne estas ajna blindulo. Li estas bone konata en la movado pro sia klereco kaj afableco. Li estis heroo de unuela artikolo en *Reader's Digest*[1]. Mi mordetas miajn lipojn, mienas pardonpete al la najbaro kaj gvidanto de la blinda kolego kaj sufloras:

"Du kolegoj havas la parolrajton antaŭ vi. Vi parolos poste." Li kapjesas. Mi reiras la prezidantan seĝon. Rimorsoj kaj kazuoj ne utilas, la incidento forgesitu.

Post la prelego de Madeleine de Zilah, laŭ la programo estas du horoj da "libera tempo por tagmanĝi ie ajn kie plaĉos al vi". Venontjare mi povos libere ĝui la "liberajn tempojn". Nun mi estas ankoraŭ prezidanto kaj prezidanto ne havas 'liberan tempon' dum konferenco. Laŭstatute, prelegtagon, la prelegantoj rajtas havi manĝojn po du kaj tranoktadojn po du. La prezidanto regalas ilin: li do tagmanĝas kaj vespermanĝas kun la prelegantoj de la tago. Mia edzino, hodiaŭa preleginto, estis okupata pro la libroservoj, estis ja tri el ili. Ni do manĝis ion, rapide, en la kuirejo de la kulturdomo, kun gesinjoroj ZIEGLER, Françoise kaj Serge, la gardanĝeloj de tiu ĉi konferenco. Mi vidas tion ĉi ĉie en la Movado: esperanta paro egalvaloras tutan taĉmenton da esperantistoj en organiza laboro. Mi malkovras dum maĉado ke Serge legis la *Genji monogatari*-on en la angla kaj ke la paro posedas la francan tradukon de la ***Ruĝdoma sonĝo***. Dum la tuta konferenco ili balaadas, kuiradas, preparadas, pretigadas... kaj tute ne havas la tempon partopreni la postprelegajn diskutadojn. Iu angla funkciulo min akuzis pri "parada klerismo". Kun iom da amara amuziĝo mi pensas ke li devus ĉeesti tiun ĉi diskutadon glisanta sur kolbasodoroj kaj kafoparfumo. Sufiĉas ĉeesti unuelan konferencon de OSIEK por konvinkiĝi ke ne ĉiuj esperantistoj estas malkleraj.

Dum la koncerto, en la vesperrobe brila artistino, memcerta kaj sperta, mi rekonis unuelan studenton mian el la sepdekaj. Ŝi ruĝigis min per dankoj. La tempo ja pasas: eksa instruisto, eksa prezidanto, baldaŭ ĉio min rilata eksiĝos. Cetere ne mankis muziko dum tiu ĉi konferenco: dimanĉon koncerto de klaviceno kaj liuto, mardon koncerto POULENC-a kaj CHOPIN-a, merkredon hungara vespero pretigita de Endre kaj Pál KOSZUCH, kun la cigana muziko de la kvaropo CHIOKERLY, ĵaŭdon ĵazo-koncerto. Miaj taskoj malhelpis ĉeestadon al ĉiuj muzikaj distradoj, sed la du kiujn mi ĉeestis, la klaviceno-koncerto kaj la hungara vespero, estis vere elstaraj. La muzikistoj disradiis memkontenton. "Tia publiko estas revo de ĉiu artisto," deklaris Anne-Catherine BUCHER, la klavicenisto, kiu dismuntis sian muzikilon por montri ĝiajn intestojn al interesitaj admirantoj.

Same opiniis pri sia publiko profesoro, esploristo ĉe la fama franca Centro Nacia de Priserĉado Scienca, *CNRS*, s-ino Barbara DESPINEY. Tamen malbone komencis ŝia prelego. Nekredeble, pro ia virusa voremo de komputilo – nuntempe ja pri ĉiuj misoj responsas komputiloj – la prelego *Mono en transira periodo* de Barbara DESPINEY ne estis sur la programfolio. Mi paliĝis. Mi do ne eksiĝos sen ia neforgesebla skandalo. Ĉiuj disponeblaj organizantoj diskuris por eltiri el iliaj litoj, de iliaj matenmanĝaj tabloj, de la salonoj de gastigantaj domoj la osiekanojn. Dume mi pardonpetadis kiel eble plej konvinke. La profesorino konsideris kun malestima rideto la prezidanton de malgranda societo kiu






1. Yamasaki Seikô kaj Eugène de Zilah
2. Mantha Christou, nova prezidanto de OSIEK
3. Peng Zhengming (maldekstre) en la katedralo de Metz
4. Barbara Despiney pri *Mono en transira periodo*
5. Françoise Ziegler, laŭdinda organizanto
6. Trevor Steele dum la hungara vesperŝ




# VORTOJ DE LA REDAKTORO

invitadas tenorojn de la Scienco kaj poste forgesadas pri ili. Ŝi ne volis prokrasti la komencon de sia brilega prelego je pli ol dekkvin minutoj. La konferencanoj enpaŝadis la salonon, ope-plurope, dum la dudek unuaj minutoj. Preskaŭ ĉiu alvenis, krom deko da nekontakteblaj membroj, al kiuj mi devis pardonpetadi pro nevolita misinformado. Kompreneble neniu volis maltrafi la prelegon de Barbara Despiney. Kiu ja ne volas kompreni kial "la stato de ekonomio de landoj kiel Rumanio aŭ Rusio similas al tiu de mezafrikaj landoj". Feliĉe la diskutado post la prelego redonis al la preleginto la estimon al nia societo. Ne mirinde kiam ĉeestas tiaj homoj kiaj YAMASAKI Seikô, Trevor STEELE, Markus GROSS, Edgar MÜLLER, Mantha Christou, François-Xavier GILBERT, PENG Zhengming, Chris Declerck, José PINTO de SOUSA kaj kvardek aliaj ankaŭ citindaj. Bedaŭrinde Jean-Luc TORTEL, Brian MOON kaj Angelos TSIRIMOKOS estis inter la tiumomente nekontakteblaj. Sed ĉio ĉi okazis merkredon.

Lundon sonoregis la artilerio de la monspecialistoj: s-ino Mantha Christou, bankdirektoro, kaj s-ro Edgar Müller, profesoro pri ekonomipolitiko. Ĉu vi konas la Bretton Woods-sistemon? Ĉu vi scias kial la eŭro estas mono "tro forta"? Ĉu vi imagas kiel la ekonomio elglitos el la manoj de la eŭropaj registaroj? Ni, kiuj ĉeestis, jes. Ni, cetere, estis sufiĉe timigitaj. Mi vespermanĝis kun ili en la ĉarma urbeto Amnéville-les-Thermes post nia vizito de Kirchberg, en Luksemburgo, lerte gvidita de Daniele VITALI.

Marde okazis tri prelegoj kaj unu libroprezentado. Estus insulte provi ilin resumi. Mi longe diskutis kun Yamasaki Seikô pri la historiaj eraoj en Japanio, kio cetere neniel rilatis al lia prelego. Mi povis, dank' al la kunmanĝadoj, iom interparoli kun s-ino Gross, kies elstara beleco fokusigis la atenton de ĉiuj kongresanoj viraj kaj inaj. Ĉu ŝi akceptus ke la fingroj de s-ro Starck "vidu" ŝin, mi ne kuraĝis demandi. Ankaŭ tio ne rilatis al la prelego de Markus Gross, ankaŭ ne nia diskutado pri la sanskrita kaj taja gramatikoj.

Kun Chris Declerck mi havis ĝis nun nur perleterajn kontaktojn. Li ĉiam mirigos min per sia profunda kono de la esperanta gramatiko, sed li ne malplie konas nian literaturon. Ni amikiĝis kun li, same kiel kun la verkisto Trevor Steele, kiu loĝis en nia hejmo. Mi iom esperis ke li ekhavos la OSIEK-premion, sed ekhavis ĝin la ĉina tradukisto XIE Yuming. Mi ne kapablas priskribi al vi la disraketan ĝojon de lia kunlandano kaj amiko Peng Zhengming, kiam mi deklaris al la ĉeestantaro ke la tradukado de la *Ruĝdoma songô* alportis la OSIEK-premion al la tradukinto. Trevor Steele estis la unua por gratuli la ĉinon, dirante: "Xie Yuming vere meritas la premion, cetere mi mem voĉdonis por li."


Xie Yuming

Li ŝajnis sincera. Venontjare ni kunvenos en Istrio kroata, en la mezepoka urbeto Motovun. La temo estos: *Multkultureco, multlingveco kaj kunvivado*. Tiel decidis la sekreta voĉdonado. Mi supozas ke oni povos sperte paroli pri tiu ĉi temo sur la areo de la eksa Jugoslavio.

Poste mi fariĝis prezidinto. La ĝenerala asembleo preskaŭ unuanime ratifikis la elekton de la komitato: Mantha Christou fariĝis la kvara prezidanto de OSIEK.

Ŝi elfaris la lastan ceremonion de IEK, tiun kiun mi pleje ŝatis elfaradi, la dankesprimadon akompanitan de donacetoj al la 'lokaj' organizantoj: al Bruno Masala, Françoise Ziegler, Serge Ziegler kaj Agnès Challant. Ankaŭ la tuta metza klubo, pluraj amikoj, esperantistaj aŭ ne, meritas dankon.

*Eugene de ZILAH*

1. David LAMBOURNE, *La nokto kiam blindulo helpis min vidi...* en *Reader's Digest* aŭg96. Vd p24 en ĉi tiu *LG*.

**ABONHELPA FONDUSO**

Por helpi niajn kolegojn en kelkaj landoj legi *La Gazeto*-n ni danke akceptas eĉ la plej etajn monsumojn.
Ni dankegas la jenajn helpantojn:

| | |
|---|---|
| Gérard LABASTHE | 16 eŭroj |
| Akira MORITA | 58 eŭroj |
| Gilbert LEDON | 3 eŭroj |
| Marie THIERRY' | 22 eŭroj |
| René DE CLERCK | 16 eŭroj |

# Ed Borsboom

*Li estas homo pli norda ol suda. Li estas altastatura. Li havas voĉon varman. Li vivas en Utrecht, Nederlando. Li estas fidinda kaj serioza. Li arde kaj pacience esploras arkivojn por verki biografiojn de niaj eminentuloj. Li precize kaj elstare gvidas literaturajn seminariojn en multaj eŭropaj landoj. Li estas prezidanto de Internacia Esperanto-Instituto en Hago...*

*Pasintan majon, mi bonŝance renkontis lin en Nancio, Francio, kien li veturis por prelegi du tagojn pri* Vivo kaj verkaro de Ivan Ŝirjaev, *en bela domego, lernejo, hodiaŭ tro granda, por estontaj pastroj. Reva kadro por elvoki la gravecon de Ŝirjaev, Andreo Cseh, Karolo Piĉ... kaj ankaŭ multajn aliajn temojn...*

**LG** – Mi konis vin, Eddy, unue kiel beletroamanton. Kio puŝis vin al literaturo? Ĉu nur sur Esperanto-kampo aŭ ĉu ankaŭ sur aliaj kampoj de via vivo vi estas fakulo pri beletro?

**Ed Borsboom** – Jes. La problemo estas ke en Esperanto, se oni lernas la lingvon – kaj tio ofte okazas aŭtodidakte – kaj se vi havas interesiĝon en literaturo, oni ne povas trovi la ĝustajn verkojn, pro la fakto ke la plimulto de la esperantistoj ne scias, kiuj verkoj estas bonaj kaj kiuj nebonaj. Ĝenerale la esperantistoj ne scias multon pri la literaturo. Eble estas esceptoj kiel Auld, sed ni diru sur la kluba nivelo. Do mi mem devis serĉi mian vojon en la literaturo, kio kostis multan tempon kaj ne estis tre efika. Sed mi trabatis min; en iu momento mi volis fini tiun serĉadon de la literaturo, ĉar mi daŭre stumblis kontraŭ neliteraturaj verkaĉoj. Sed en iu momento, kiam mi vere dubis ĉu mi ankoraŭ klopodas, tiam mi legis verkon de Stellan Engholm, kaj tiam mi preskaŭ falis el la seĝo, ĉar ĝi estis tiom bona, tiom simpla, tiom pura...

LG – Kiu verko estis, ĉu vi memoras?

**EB** – Humm!

LG – Eble *Homoj sur la tero...*

**EB** – Eble... *Infanoj en Torento* mi pensas...

LG – Ĉu vi memoras proksimume kiam? Antaŭ kiom da jaroj?

**EB** – Jes... Do... Mi estis juna, dudekjara, dekokjara, io tia. Mi lernis Esperanton en 51, tiam mi havis 15 jarojn. Kelkajn jarojn poste, do mi pensas, tio estis en la dekoka. Mia unua verko, mi pridubis, estis de Bulthuis *La vila mano*, kaj ĝi havis la avantaĝon ke ĝi estis la unua verko, do, jam ia evento.

LG – Jes, la unua romano...

**EB** – ... jes... kiun mi legis... Sed ĝi ankaŭ ne plaĉis al mi.

LG – Kial ĝi ne plaĉis... ĉu pro la enhavo?

**EB** – Ja, tio estas malfacile, kompreneble. Almenaŭ ĝi ne estas vera, bona libro. Kompreneble ĝi estas provo por krei literaturon, ĝi estas granda merito de li, sed... sed Engholm estis la unua kiu vere frapis min. Kaj poste venis kompreneble aliaj. Sed estis longe, kaj mi ĉiam pensas: 'Al aliaj esperantistoj mi povas plifaciligi la vojon, se mi instruas literaturon'. Estas tiom da esperantistoj kiuj instruas la lingvon mem... tio ankaŭ estas grava, sed estas sufiĉe... sed literaturon

LG - Sed ekster la kampo Esperanto, ĉu ankaŭ vi estas... neniam mi sciis ion pri vi...

**EB** – Fakte mi... mi studis germanistikon. Do por studi germanistikon estas kompreneble la lingva flanko, ankaŭ ni diru la literatura flanko. Kaj mi devas diri ke mi precipe studis germanistikon por la literaturo. Do tio tre interesis min ankaŭ... sed... kaj mi multe lernis, mi ekzercis multe, mi lernis sub bona gvido pri kio oni devas atenti ktp... do tiujn aferojn kiujn nenie oni povas lerni en Esperantujo, ĉar jam pri la literaturo ni apenaŭ havas ion. Do tiujn konojn de la germanistiko mi povis apliki sur la kampo de Esperanto.

LG – Sed kie vi studis, ĉu en Germanujo?

**EB** – Jes. En Nederlando mi studis, en Utrecht, kaj ankaŭ en Germanio en Tübingen. Kaj post la fino de la studo mi havis pli da tempo por Esperanto – mi kompreneble okupiĝis pri Esperanto –, tiam mi vere komencis labori por Esperanto. Kaj tiam mia unua verko estis do pri Lanti, *Vivo de Lanti.*



*"Al aliaj esperantistoj mi povas plifaciligi la vojon se mi instruas literaturon."* Ed Borsboom, Nancio, majo 1999.

LG – *Vivo de Lanti*-on mi konas. Kaj kial? Ĉiam estis mistero al mi, ĉar Lanti estas, ni diru, pensulo pri la lingvo, iomete kiel Zamenhof kaj pri Esperantujo ĝenerale. Sed ĉu oni povas diri, ke li estas beletristo? Laŭ mi ne, do kio logis vin, puŝis vin elekti Lanti'n?

**EB** – Fakto estis ke mi estis gasto en la jaro 61 en franca familio en Valence, kaj estis tre agrabla gastado, kaj la sinjoro, esperantisto, havis relative grandan bibliotekon kaj tie mi vidis 6 volumojn de Lanti, mi neniam aŭdis de Lanti do mi foliumis, kaj tio ja frapis, ke de unu aŭtoro 6 volumoj jam estas io. Kaj mi legis kelkajn partojn por konatiĝi, *Leteroj*-n kaj ankaŭ *Vortoj*-n de Lanti, kaj por mi – mi estis tiam relative juna – kaj frapis la ideoj, ĉar li havis tre revoluciajn ideojn, kaj ili estis tre ofte originalaj.

LG – Ĉu estis antaŭ la suicido de Lanti?

**EB** – Ne, ne ne, ne, ne... li jam estis morta, ĉar li mortis en 46. Do mi legis en 61, do 15 jarojn post kiam li mortis. Do la ideoj... kaj mi devas diri ke ankaŭ la lingvo min frapis. Li havis tre originalan, tre bonan lingvon, iom biblian, tian metaforan lingvon; li estas manlaboristo... li bele ĉizelas la lingvon. Do tiam mi diris al la amiko: 'li bezonas biografion'.

LG - Do li ne estas literaturisto, sed li havas belan stilon!

**EB** – Jes, laŭ mi li estas vere eminenta stilisto. Kaj la enhavo ankaŭ...

Kaj tio estis malfacila tasko ĉar mi tute ne estis SAT-ano, kaj SAT estis tamen io fermita en tiu tempo, mi malfacile faris kontaktojn kun la anoj. Sed mi vizitis Bannier en Parizo kaj li estis tute alia, li kore invitis min labori sur la biografio kaj li promesis helpon kaj kunlaboron.

En tiu tempo ankaŭ estis Barthelmes, sed mi havis perfektan kontakton kun Bannier, kaj fakte... Fine mi verkis la biografion por Bannier... Do ni ofte laboras por homoj!

LG – Ofte mi pensis, ke vi estas pli homo de parolo ol de verkado. Tamen nun vi decidis verki alian biografion, tiun de Andreo Cseh, ĉu ni rajtas diri...

**EB** – Jes, kompreneble

LG – Vi konis lin persone...

**EB** – Jes, mi devenas de la urbo Hago, mi loĝis en Hago, kaj tiutempe la Esperanto-Instituto de Andreo Cseh ankaŭ estis en Hago. Estis la loko kie oni povis aĉeti ĉiujn esperantaĵojn, kvazaŭ granda butiko. En iu momento – mi pianludis en tiu tempo –, mi volis akiri la himnon – en tiu tempo oni ankoraŭ estis tre idealisma –, do mi iris tien, mi aĉetis la himnon. Mi havis bonŝancon, ĉar li mem prizorgis tion, malfermis la pordon. Li kondukis min al la akceptejo, kiu estas kvazaŭ biblioteko... tri vandoj kun libroj...!!

LG – Ĉu vi memoras ion pri tiu unua renkonto? Li sendube estis eksterordinara homo...

**EB** – Jes... nuntempe mi priskribas tiun scenon en la biografio. Li faris la impreson ke li estis tre flegita... ofte esperantistoj ne estas tiom flegitaj, mi devas diri... flegita. Tio agrable frapis min, ankaŭ tuŝas. Malaltkreska li estis, bone vestita, en kostumo, en griza kostumo, li estis iom diketa, ĉar li estis, mi pensas, 55jara, kaj liaj okuloj havis ion specialan, ili alradiis ion... afablecon, ankaŭ kun mikso da humuro. Tre humurplena homo, kaj fakte tiuj okuloj kaptis min. Ĝi estis unua vizito, sed de tiam mi regule iris tien por aĉeti aŭ iom paroli kun li.

LG – Vi jam parolis flue Esperanton...

**EB** – Flue mi ne volas diri, sed mi parolis Esperanton...

LG – Ĉu vi jam parolis kun nenederlandano?

**EB** – Ne, ne, li estis mia unua. Sed li estis bona edukisto, parolis tre malrapide, simple, serĉis la vortojn kiujn mi konis, la plej simplajn vortojn. Kaj tiel estis, ke li diris: 'Ĉu vi ne povas labori kun mi en la Instituto?' Mi havis feriojn, kaj tiel mi laboris, en 54, la tutan someron ĉe li.

**LG – Ĉu li ankoraŭ eldonis revuon specialan?**

**EB** – Jes, jes, *La Praktiko*...

**LG – Ho! *La Praktiko*, ĝi ankoraŭ ekzistis! Ĝis kiam?**

**EB** – Li... li redaktis ĝis 64. Mi helpis pri multaj aferoj. Sekretario ja estas tro granda vorto, do ni diru helpanto; mi elpakis librojn, mi iris al la poŝto, mi prenis la telefonon... 10 fojojn en la tago ni havis telefonalvokojn pri esperantaj aferoj...

**LG – Vi estis juna adoleskulo...**

**EB** – Jes. Mi havis 18 jarojn. Kaj poste mi decidis ke mi sabate ĉiam laboros tie, nur sabate ĉar mi devis iri denove al la gimnazio, kaj tion mi faris kelkajn jarojn. Do ni bone amikiĝis, kaj mi bone konatiĝis ne nur kun li, sed kun la tuta Esperanto-mondo. Venis multaj gastoj, venis... Morariu, venis Pragano, gravaj homoj en tiu tempo. Do mi konatiĝis kun ili, kaj ili iom patrece rigardis al mi.

**LG – Ĉu iu aparte frapis vin el tiuj gastoj el la tuta mondo?**

**EB** – Jes, venis tre gravaj gastoj. Venis ankaŭ ministro el Japanio, mi memoras: li estis ministro antaŭ la dua mondmilito – post la milito ne plu ministro –, mi pensas pri eksterlandaj aferoj. Li estis japano sed absolute perfekte flua Esperanto-parolanto. Ni ofte pensas pri japanoj, ke ili malfacile parolas, sed li vere brile parolis; tiun mi memoras ankaŭ, ĉar li skribis sian nomon, kaj mi por la unua fojo vidis tiun komplikan manieron, kiel japanoj faras la karaktrojn...

**LG – Vi ne memoras lian nomon...**

**EB** – Ne, ne, ne, ne... Sylla Chaves mi memoras, ĉar li venis kun la edzino, mi montris al li Hagon...

**LG – Li venis el Brazilo...**

**EB** – Jes. Do estis multaj gastoj, rememore, kiujn mi vidis... Ankaŭ Pragano estis eksterordinara homo. Li instruis en la universitato de Amsterdam, sed li havis pli da potenco ol la nunaj profesoroj pri Esperanto ĉar li estis tre influriĉa homo. Li sciis bone trovi sian vojon, kaj propagandi Esperanton interne de la universitato. Li estis fakte docento pri la rumana lingvo, sed ne estis multaj studentoj por la rumana lingvo, do li faris ankaŭ kurson por Esperanto kaj tio allogis multajn studentojn. Do estis tre riĉa tempo por mi.

**LG – Jes, kaj paralele vi komencis profesie labori aŭ vi unue iris...**

**EB** – Jes, fakte mi ankoraŭ studis, mi komencis ankaŭ labori, sed devis ankaŭ finstudi. Estis relative pezaj jaroj. Mi forlasis Nederlandon por iri al Tübingen fari la lastajn paŝojn. Mi vere komenciĝis, oni povas diri, en 68.

**LG – En la profesia vivo...**

**EB** – Jes, mi jam laboris, sed tiam mi komencis la laboron super la *Vivo de Lanti* aldone al multaj farendaĵoj: mi estis en la junulara movado de Nederlando, mi eĉ redaktis la junularan gazeton, *La Trumpeto*. Do mi klopodis esti sufiĉe aktiva homo en Nederlando. Mi fariĝis membro de TEJO, komencis viziti la TEJO-kongresojn, do tio estis ĉiam kompreneble antaŭ ol mi vere profesie laboris. Estis grava tempo, ĉar oni lernis koni la junajn esperantistojn kiuj nun havas gravajn funkciojn; mi estis bona amiko de Humphrey Tonkin, li ankaŭ estas humura persono, ni multe, ofte, entreprenis aferojn...

**LG – Ĉu ankoraŭ vi rilatas kun kelkaj ...**

**EB** – Jes kompreneble. Jes mi ankoraŭ konas Tonkin, ĉar tio donas hodiaŭ facilan eblecon kontakti kun tiuj homoj. Se mi ne konus ilin en tiu aĝo, nun la kontakto estus iom pli malfacila. Se mi bezonas ion de Humphrey Tonkin, aŭ li de mi, mi simple skribas letereton kaj estas aranĝita. Ankaŭ... mi memoras... tiun de Romo, kiu eldonis la italan vortaron...

**LG – Carlo Minnaja?**

**EB** – Carlo Minnaja, jes. Günther Becker ankaŭ... Estis bela tempo... bela tempo...

**LG – Ĉu pli li bela ol la hodiaŭa?**

**EB** – Ne, tion mi ne volas diri, ĉar ĉiu epoko en Esperanto donas siajn proprajn plezurojn.

# NIA TRIBO

LG – Jes, kaj mi memoras, ke unuafoje kiam mi aŭdis paroli pri vi, mi aŭdis vian nomon – mi ankoraŭ ne renkontis vin –, estis de iu amiko, frapita de prelego via, eble en KCE. Ĉu vi iris al KCE?

**EB** – Tio povas esti. Jes, estis en 68, kiam mi finis miajn studojn ni iris kun mia edzino skiferii, kaj tion ni faris en la kurso de Claude Gacond, ĉar li estis ie en iu svisa vilaĝo, li luis ĉaledon mi pensas, do tie mi renkontis junajn esperantistojn kiuj skiis. Kaj li demandis – mi ne konis Claude, do mi ekkonis tie – li volis ankaŭ enŝovi unu kulturan vesperon, kaj tiam li ankaŭ sondis ĉe mi. Do mi diris 'jes, sed ni devas elekti temon'. Estis tie Claude Nourmont, knabino tiutempe, kaj juna brila pariza esperantisto. Do ni triope kunsidis, kaj tiam, mi pensas, la parizano proponis prelegon pri tiuj famaj *Sekretaj sonetoj* de Peter Peneter. Mi konis hazarde tiun libron ĉar dum jaroj oni ne povis akiri ĝin kaj mi aŭdis ankaŭ rakonton de Andreo Cseh pri la libro... ke oni malpermesis ĝin ktp.

LG – Kiam oni malpermesis ĝin?

**EB** – Antaŭ la dua mondmilito. Librovendistoj tute ne vendis ĝin ĉar ĝi estis en liaj okuloj giganta pornografio, do mi diris 'bone, mi povas rakonti ion pri la libro mem, kaj pri la ĉirkaŭaĵo'. Ili ambaŭ laŭtlegis poemojn. Do ni faris triope, kaj iu laŭtlegis, feliĉe ne la plej fortajn sonetojn, sed la modestajn...

LG – Vi ŝatas poezion!

**EB** – Jes, kompreneble.

LG – Krom la *Sekretaj sonetoj*...

**EB** – Mi devas diri, ke mia plej ŝatata poeto en Esperanto estas Ĥohlov li malmulte skribis, unua volumo estas *La tajdo*. Mi devas diri ke mi ankaŭ aprecas Miĥalski, la junan Miĥalski...

LG – *Fajro kuracas*?

**EB** – Ne, ĉar tio jam estas pli poste. Sed *Prologo*... Kaj multajn pecojn de Auld mi aprecas, Kalocsay kompreneble, sed ne ĉion.

LG – Kaj ĉu en germana lingvo ankaŭ vi ŝatas poezion, pli ol...

**EB** – Jes kompreneble... sed mi prefere tamen estas prozisto-amanto.

LG – Mi ne scias ĉu vi instruis, aŭ faris ion alian... ĉu vi instruis la germanan?

**EB** – Ne.

LG – Do ĉu vi laboris pri germana literaturo?

**EB** – Ne, ne... mi ĝin studis. Fakte mi trejnis en mia vivo studentojn, por ke ili bone parolu la lingvon, ke ili komprenu tekstojn, ke ili bone traduku...

LG – ... el la germana...?

**EB** – Jes, studentojn en Utrecht.

LG – Kiun aŭtoron vi plej ŝatis, ŝatas el la germanaj? Ĉu vi havas preferatan?

**EB** – Mi mem specialiĝis tiutempe pri Thomas Mann, sed estas multaj tre bonaj verkistoj. Oni tute ne povas kompari kun Esperanto.

LG – Thomas Mann estas giganto...

**EB** – Jes... giganto...

LG – ... unu el la malmultaj kiujn mi legas kaj relegas.

**EB** – Li estas ankaŭ humura. Tiu ironio de... kaj li havas perfektan lingvon kaj ankaŭ intelektan...

LG – Kaj kompreneble vi legas lin en la germana.

**EB** – Jes.

LG – Kaj ĉu iu libro pli gravas laŭ vi?

**EB** – Se mi elektus por mi mem mi elektus *Jozefo kaj liaj fratoj*. Ĝi estas giganta dika libro, sed por mi la plej agrabla.

LG – Interese. Tiun mi ne legis. Kial vi taksas ĝin pli grava ol la tri pli konataj, mi kredas, *Faustus, La Magia Monto, La Buddenbrook*

**EB** – *Faŭsto* estas laŭ mi la malplej bona kvankam oni diras ofte ke ĝi estas lia ĉefverko. Sed ĝi estas ankaŭ tiom serioza, do ĝi agas kontraŭ lia propra konscienco.

LG – Ĉu Faŭsto estis la plej grava por li mem?

**EB** – Ne, ne por li mem, sed por la kritikistoj. Kvazaŭ tio estus lia ĉefverko. Sed por mi estas *Jozefo*: ĝi havas brilan ekvilibron de humuro, de faka kono de Egipto en tiu tempo, kaj majstra lingvo. Tiu majstreco laŭ centoj da paĝoj, tio ankaŭ estas fortostreĉo.

LG – Ĉu ĝi estas historia romano?

**EB** – Ne, estas la rakonto el la Biblio, la patro de Jozefo kiu do ĵetas lin en la puton, kaj li fariĝas subfaraono, vicfaraono. Do en si mem jam tiu rakonto estus sufiĉe suka, sed per la plumo de Thomas Mann ĝi fariĝas eĉ pli suka ol la biblia rakonto.

LG – Ĉu oni tradukis jam en Esperanton ion... *Tonio Kröger*? Ĉu novelo?

**EB** – *Tonio Kröger*, jes... tiu japano... Jes bona novelo, interesa novelo. La traduko de japano estas danĝera laŭ mi, ĉar oni devas traduki nur el sia lingvo; japano kiu lernis germanan, bone, sed la distanco estas tro granda. Mi povus traduki ankaŭ el la germana ĉar nederlanda kaj germana estas frataj lingvoj, sed oni devas iom atenti tion.

LG – Jes, William Auld skribis ion similan en freŝa numero de *La Gazeto*. Ha! se mi pensas plie pri vi, mi memoras ke vi estas unu kiu kondukis min al pli bona legado, aŭ, pli ĝuste, relegado de Piĉ. Unue en *Literatura Foiro* mi legis recenzon de vi pri *La mortsonorilo de Chamblay* kaj kelkajn jarojn poste, eble, pri *La Litomiŝla tombejo*. Poste... kaj tiun daton mi bonege memoras, en 1989, en majo, en Homburgo, ni sidis ĉe tablo, kaj ni parolis pri Karolo Piĉ, kaj vi rakontis kiamaniere vi renkontis lin. Ĉu vi memoras? (Ed Borsboom ridas)

**EB** – Jes.

LG – Estis tre impresa via rakonto. Ĉu vi povus denove...? Vi estis tre entuziasma...

**EB** – Mi estis tre entuziasma. Mi unue devas diri ke en tiu tempo mi ankoraŭ tre forte laboris kun Reinhard Haupenthal, ĉar li iniciatis la semajnfinojn en Homburgo, bone, kaj li ankaŭ en iu bela tago, laŭtlegis al mi parton de tiu *Litomiŝla tombejo* kaj do mi decidis ankaŭ aĉeti ĝin kaj tute legi. Mi ankoraŭ ne estis konvinkita pri la valoro de Piĉ. Mi memoras ke mi komencis kun ioma dubo, ĉu... Sed, se oni legas bonan romanon, tion oni rimarkas sur la unua paĝo. Estas homoj kiuj scipovas jam en kelkaj frazoj... do la unua paĝo de li estis tiom frapa ke mi ricevis fidon en la libro...

LG – Ĉu temis pri libro jam presita... aŭ pri la manuskripto...?

**EB** – Ne... la libro, eldonita de Haupenthal. Kaj mi legis ĝin kaj ĝi estis absolute majstroverko; mi devas diri al la legantoj ke mi konsilas ne komenci legi la lastan parton de la libro kie li eksplikas lingvajn aferojn, ĉar veraj verkistoj ne devus okupiĝi pri tiu tereno sed simple verki. Jes, estas same kun Bertolt Brecht, laŭ mi li estas tre granda tragedi-verkisto, sed li ankaŭ verkis, ni diru, artikolojn kiamaniere oni devus verki teatraĵojn. Kaj tiuj tekstoj ne konvinkas min, mi prefere ne legas ilin, mi simple iras al la teatraĵo, al la teatro-peco de Brecht. Kaj same pri Piĉ. Do mi lasas... mi kompreneble legis antaŭ ol... ĉar mi pensis...

LG – Ho! Kial? Kial vi legis ĝin 'antaŭ'... ĝi estas 'POST' la libro...

**EB** – Jes, sed mi pensis 'eble mi devas iom ekkoni la aŭtoron'. Do ĝi estas ne tiom konvinka. Kiam mi legis la libron, mi estis tute konvinkita. Mi estis tiom konvinkita ke mi legis ĝin por la dua fojo kaj tio ne estas ofta okazo. En Esperanto mi nur legis por la dua fojo Raymond Schwartz *Kiel akvo de l' rivero*, ĉar li ankaŭ estas majstra prozisto.

LG – Kaj Karolo Piĉ *La Litomiŝla tombejo*. Ĉu aliajn vi relegis?

**EB** – Ne. Nur tiuj du. Kaj ĝi estis tiom impresa ke mi volis konatiĝi kun Litomiŝlo.

LG – Ĉu kun la urbo, ĉu kun la homo?

**EB** – Jes kun la urbo... kaj kun la homo.

LG – Do Litomiŝlo estas vera urbo...

**EB** – Jes, vera urbo, tre bela urbo. Do mi komencis sondi, mi prenis kontakton kun Eli Urbanová, en Prago, kaj mi prenis kontakton kun la organizantoj de granda kampadejo de Esperanto-kursoj, en Lanĉov... estis ie, en iu parto de antaŭa Ĉeĥoslovakio. Venis ĉiujare centoj da junuloj por lerni Esperanton en tiu tendaro; estis tiam tute komunisma afero. Lanĉov estas vilaĝo, tute izolita vilaĝo. Kaj mi proponis gvidi kurson tie unu aŭ du semajnojn. Kaj Eli diris 'venu al Prago', ŝi diris ke estas malfacile fari kontakton kun Piĉ, ĉar ofte li ne volas vidi homojn. 'Do vi ne bezonas skribi,' ŝi diris, ĉar se mi skribas, li diras ke li simple ne volas vidi min.

LG – Kaj ĉu Eli Urbanová konis lin persone?

**EB** – Jes, jes... ne bone, sed ŝi konis. Do por la ĉeĥoj li estis iom ĥenormala homo preskaŭ, ĉar li ne iris al kluboj, kaj havis malmultan kontakton kun la Esperanto-movado. Pri Ĉeĥoslovakio li havis apartan starpunkton. Do ni ellaboris la strategion kun Eli: la sola estus ke mi surprize atakus lin en Litomiŝlo.

LG – En ĉirkaŭ kiu jaro?

**EB** – Tio okazis en 85. Ĉar, mi pensis, la libro aperis en 83 kaj oni bezonis tempon por

organizi tion. Do kiam mi iris al Prago estis ĉe Eli Urbanová kaj poste mi aŭtomobilis; en tiu tempo estis granda aventuro. Okcidentanoj ankoraŭ ne eniris en Ĉeĥoslovakion, oni bezonis vizon, oni devis pagi por ĉiu tago. Vizon mi akiris en Hago, sed estis tuta ĥaoso tie. Malfacila la tuta aranĝo! Kaj fine mi atingis...

LG – Vi iris sola...

**EB** – Jes... Sola... Jes ni fakte planis Haupenthal kaj Fernando de Diego kaj Josef Dörr kaj mi iri kvarope.

LG – Sed Fernando de Diego vivis en Venezuelo...

**EB** – Ne, en tiu tempo en Hispanujo, kaj ankaŭ li estis tre entuziasma, do estis vera grupo por iri tien.

LG – Ĉu vi konis lin persone... Fernando de Diego...?

**EB** – Jes, tra Haupenthal, kiu invitis lin al Homburgo. Li prelegis en 83 mi pensas, aŭ 84, en la semajnfino en Homburgo, en 83, kaj tie ni amikiĝis.

LG – Kaj tie vi konspiris...

**EB** – ... por iri en 84 al Piĉ, kaj ni havis iun vojon, estis Reinhard Haupenthal, ĉar li estis la eldonisto de Piĉ, do li havis kontakton, do li povis proponi ke ni venu. Sed en la lasta momento Haupenthal simple ne volis, Haupenthal estas malfacila homo, jes, do ni estas seniluziiĝintaj. Ni restis tri. Tiam diris Fernando de Diego: 'Se Haupenthal ne foriros, mi ankaŭ ne foriros'. Tiam mi pensis: 'Do mi povus iri kun Dörr, sed ŝajnas pli praktike, kvankam Josef Dörr estas absolute tre aminda homo...,' ŝajnis pli praktike se mi sole iris. Tiam mi estis pli libera fari ekzakte kion mi volis aranĝi. Kaj tiam mi iris sole, intertempe estis 85. Mi perdis... jes mi perdis unu jaron. Mi iris tien: en tiu tempo kompreneble estis ĵus farita giganta hotelo en Litomiŝlo, komunisma hotelo, mi ricevis tutan apartamenton kontraŭ malgranda sumo.

Sed tio ne estis la plej grava afero. La plej grava afero estis la adreso. La adreson mi havis... en la hotelo, preskaŭ senhoma, mi demandis al la knabino en la enirejo 'kie estas tiu strato' kie Piĉ loĝis, ĉar mi kompreneble ne konis la mapon de la urbo. Kaj tiam ŝi komencis iom ridi, do verŝajne... kvazaŭ ŝi konis lin, kaj li estas ankaŭ por la homoj en Litomiŝlo iom aparta. Kaj ŝi diris: 'Ho! estas tute simple, vi iras tien, kaj ĉe la angulo estas kinejo,' kaj tie mi estos en la strato kien mi volas iri. Sed tiom simpla la afero ne estis. Mi povas atingi la straton, sed en la strato... la numeroj ne estis en ordo, ni havis la numerojn ekzemple 5, 7 , 9, 21, 23, 25, 41, do mankis numeroj... kaj unu el la mankantaj numeroj estis la domo de Piĉ. Do mi sonorigis ĉe la najbaro, kiu plej proksime loĝis laŭ la sistemo. Estis stranga atmosfero. Neniu estis en la stratoj, sed mi havis la



Litomiŝlo, la arkaro
fotis Ed Borsboom
julio 1985

impreson ke ĉiuj, en ĉiuj domoj, rigardis de malantaŭ la kurtenoj por sekvi min. Ili tuj rimarkis ke mi estis okcidentano, pro la vestaĵo ŝajnas. Do mi sonorigis, sed ili tute ne komprenis min, fakte mi montris paperon kun la strato kaj la numero... la unua ne estis hejme, la dua ne estis hejme, la tria ne estis hejme, kvara de la fenestro kriis 'ne, vi devas foriri'. Do mi pensis: 'Mi unue faras malgrandan promenon en la urbo, kaj eble poste mi solvos tiun problemon'. Kiam mi revenis en tiu strato mi denove bone esploris, sed ne venis solvo; mi volis forlasi tiun mallongan straton... en tiu parto de la strato kie devus esti la numero de la loĝejo de Piĉ, estis iu granda pordo de ĉevalstalo, sen numero, kaj en ĝi... mi bone memoras: mi volis forlasi la straton, kaj tamen, pense rerigardis kien fakte devus troviĝi la loĝejo, kaj tiam mi vidis iun grandan pordegon, do eble, mi pensas, li loĝas malantaŭ tiu pordego, tie la numeroj kontinuas. Do mi iris kaj mi malfermis iun gigantan pordon kaj mi staris kvazaŭ en korto, en korto estis multe da ruboj; en la fino de la korto staris domo, do mi pensis: 'tie li devas loĝi'. Estis domo tute ne loĝata, do mi eniris, sentis min en krim-televid-filmo, kiam inspektoro devas serĉi ion. Mi devis eniri domon, kaj estis sufiĉe malluma koridoro, kaj la ĉambroj estis fermitaj, kaj estis ankaŭ giganta rubo en la ĉambroj, mi povis rigardi tra la fenestroj. Do mi forlasis, mi volis denove eliri... kaj tiam mi subite vidis lignoŝtuparon, malgrandan, tute ĉe tiu pordego, ĉe la komenco de la korto; ĝi estis kvazaŭ gluita... do en la enirejo (Ed komencas skizi sur paperon), estis tiuj grandaj pordoj[1], kaj tie estas tiu domo[2], tie estas la korto kun rubo[3], ĉi tie supreniris tiu ŝtuparo[4], do mi rigardis la ŝtuparon... ĝi devas iri ien, ĉi tie estis balustrado el ligno[5], la ŝtuparo venis ĉi tien al la balustrado, tie[6] oni povis kompreneble promeni. Do mi pensis 'mi iros tien' kaj mi iris supren, kaj ĉe la fino estis pordo, do tie estis loĝejo[7]– mi ne scias – aŭ ĉambro nur, kaj ĉe la pordo estis ne numero, sed estis la nomo 'PIĈ'.

(Eddy ridas) Do li devas esti ĉi tie.

Mi sonoris. Kaj mi aŭdis ion. Do devis esti personoj en la ĉambro, aŭ en la apartamento,




sed ili ne malfermis la pordon. Do mi denove sonoris, kiel edukita okcidentano, sed li ne malfermis la pordon.

Tie staris tre malgranda tableto[8], kaj mi kunportis – ĉar la homoj en Ĉeĥoslovakio en tiu epoko ne havis ion por manĝi – mi kunportis Edam, edaman fromaĝon... tiu ronda granda fromaĝo ruĝa. Mi metis ĝin sur la tableton, skribis al li "Por Karolo la Granda. Ed Borsboom". Kaj mi pensis 'tiel li nepre devas trovi tiun fromaĝon'. Verŝajne se mi forlasas la korton, li aŭdas, kaj tiam li trovas la fromaĝon. Estis tute laŭ tio kion oni diris pri li: eviti homojn, li ne volis vidi min, fakte li ne sciis pri mia veno. Kaj mi estis sufiĉe seniluziiĝinta, ĉar mi ne renkontis lin. Nun mi devis decidi en rapido ĉar la sekvonta tago mi devis esti en Lanĉov, en la sudo. Do la postan tagon, posttagmeze mi devis kompreneble iri, estis nur 2-3 horoj kun la aŭto. Do mi reiris al la hotelo... tie mi bone duŝis, manĝis...

LG – Bone manĝis!

**EB** – Ne, nebone... Estis tre primitive. Mi bone memoras ke mi devis pagi por ĉiu parto de la manĝo, ekzemple se mi volis havi panbuleton, tiam mi devis pagi por ĝi, kaj se mi volis unu terpomon pli, mi devis pagi por tiu terpomo. Jen tiu sistemo! Nekredeble!

La postan matenon mi pensis: 'do, mi matenmanĝis, mi jam povas denove iri, sed... por kia rezulto'. Mi eliris el la hotelo, mia aŭto staris tuj antaŭ la hotelo ĉar estis nemultaj aŭtoj. Kaj simple mi povis iri al mia aŭto, kaj tiam venis sinjoro malantaŭ mi, – li sidis en la halo –,

... kaj tiu estis Karolo Piĉ. Li estis en kostumo de ĉasisto, ĉar li ne havis multajn kostumojn, ĝi estis la sola bona kostumo... mi poste komprenis. Unue mi pensis ke li estas de iu arbara polico, ke mi ion faris ne bone; ofte mi estis haltigita de la polico por kontrolo, do eble li volis kontroli okcidentanon...

LG – En la halo de la hotelo?

**EB** – Ne, ne, antaŭ la hotelo. Do mi returnis min, ĉar ŝajnis, el psikologia vidpunkto, bone ke mi ne atendu la policiston, sed ke, se mi tuj atakus la policiston alirante al li... do mi poste reiris al li, kaj pensis 'tio ne estas policisto, laŭ mi' kaj tiam li diris: 'Jes, mi estas Karolo Piĉ, kaj vi estas Ed Borsboom'.

Li legis sur la paperon. Kaj tiam mi demandis kiamaniere li trovis min: 'Ha! li diris estas nur unu hotelo por okcidentanoj, kaj vi estas la sola aŭto, do estas tute simpla'.

Do tiam ni faris grandan promenon kaj ni longe parolis.

LG – Ĉu vi promenis al la tombejo...?

**EB** – ... jes, al la tombejo...

LG – Ĉu... al la arkaro?

**EB** – ... jes, al la arkaro...

Kaj ankaŭ ni vizitis tiun belegan palacon: la 'Renesanca kastelo'...

LG – ... kaj la klostron, kaj la monaĥejon.

**EB** – Jes, jes... ĝi ne estas granda urbo, ĝi ne estas tre bela, kaj mi fotografiis ĉion; fakte mi jam faris la antaŭan tagon, mi fotografis la tutan urbon el dokumenta vidpunkto, kaj mi fotografis lin, kaj li havis, kompreneble, tiun amikinon, Ohne Zorg, Ohne Zorgová, kiu estas simpatia virino; ŝi tute ne komprenis la romanon, mi konstatis; do ŝi flue parolas Esperanton, sed... Tio ofte okazas ĉe verkistoj, edzino de Raymond Schwartz tute ne komprenis la romanon de Raymond Schwartz. (ekridoj)

Do ni havis tre bonan kontakton, kiam li rimarkis ke mi bone konis la verkon de li, en tiu tempo nur *La Litomiŝla tombejo*, ke mi vere legis ĝin. Li estis la unua ĉeĥo... ĉe Eli Urbanová estis ankaŭ tre interesaj homoj – ŝi invitis kelkajn gravulojn el Prago –, ankaŭ esperantistoj, kaj estis interese ke ĉiuj pli malpli tamen sekvis la komunisman sistemon, ne ke ili trovis la komunisman sistemon la plej bona, sed simple pro endoktrinado ili komencis akcepti la sistemon. Kaj ili, ĉe Eli Urbanová – mi bone memoras –, ili ankoraŭ pensis, ke Germanio estas agresa lando kiu volas konkeri Ĉeĥoslovakion. Mi absolute miris, ke tio povis okazi, en 85!!, ĉe intelektuloj!!, en Prago!

LG – 40 jarojn post la dua mondmilito!

**EB** – Ili aŭdis preskaŭ nenion alian de la ŝtataj medioj: 'Germanio estas granda agresa lando, kiu volas konkeri Ĉeĥoslovakion', ili kredis tiujn vortojn. Kaj ĉe Piĉ, li vere komprenis la komunisman sistemon, dum la aliaj diris 'ĝi estas vere pli bona ol la kapitalisma sistemo', ili sincere kredis; do, la unuan fojon en mia vivo, mi devis defendi la kapitalisman sistemon, kvankam mi ne estas kapitalismema. Ĉe Piĉ mi bone komprenis ke...

LG – Kiam vi diras 'ĉe Piĉ...' estas en la strato, neniam vi estis ĉe li.

**EB** – Ne, ne, ne en la domo. Ni estis en iu restoracio, kie ni sidis, kie ni apenaŭ ricevis ion por trinki, ne ke ili ne volas doni, sed ke ne estis. Ni parolis, parolis, kaj faris longan promenon, do ni faris tre bonan kontakton, li fariĝis bona amiko de mi. Kaj poste, sed tio estas longa vojo, mi komencis propagandi lian verkon...

LG – Ĉu vi korespondis poste?

**EB** – Jes ni korespondis. Ja, tre bona kontakto.

LG – Kion plej gravan li donis al vi, kiam vi vidis lin? Kelkfoje, kiam homo estas verkisto povas okazi iom da elreviĝo okaze de renkonto.

**EB** – Ĉe li ne. Li impresis min pro la fakto ke li absolute bone perceptis la sistemon. La politiko estis por li tre grava. Li tute bone rigardis tra la sistemo. Mi estis tiel frapita pro tiu fakto, ke la intelektuloj ne perceptis; ili ne diris ion al mi, ili ne silentis, ili vere ne komprenis la sistemon. Do por mi li estis tre klarvida homo... Piĉ.

LG – Li estis kristano...

**EB** – Jes, katoliko.

LG – Ĉu kredanto, laŭ vi?

**EB** – Ho! Mi ne scias, li almenaŭ estis... li opiniis ĝin grava afero, verŝajne pro la eduko kiun oni ne forlasas. Sed mi ne havis impreson ke li estis aktiva katoliko.

**LG** – Kaj la tria romano, *Ordeno de verkistoj*?

**EB** – Mi havas, sed ankoraŭ ne legis. La plej grava verko de li estas fakte la poemoj. Li estas poeto. La plej bonaj poemoj aperis en la 50aj jaroj.

**LG** – Eĉ la tuta *Litomiŝla tombejo* estas prozo pure poezia...

**EB** – ... pura poezio, jes. Jes estas peco de poezio. Li ne estas vera prozisto, pro tio ankaŭ *La mortsonorilo de Chamblay* ne estas tiom sukcesinta.

**LG** – Ha! Ne estas poezio, ne...

**EB** – Ekzakte. Sed li vere skribis mirinde belajn ampoemojn, tiom delikataj, laŭ mi la plej bonaj en Esperanto entute. Sed preskaŭ neniu atentis ilin. Ilis estas tre klasikaj, laŭ la zamenhofa lingvo, tiom simplaj ke komencantoj povas kompreni la frazojn. Ili aperis

**LG** – En *Obsedo*?

**EB** – Ja tio estas poemaro, kiu aperis poste. Ili ne estis republikitaj, mi volis denove trovi ilin, sed pro aliaj laboroj mi ne faris...

**LG** – ... trovi la unuajn...

**EB** – ... ili estas en literaturaj gazetoj. Grava estis tiu de Waringhien... *La nica revuo*... En ĝi troviĝas fakte multo el tiu tre bela poezio de li. Oni devus fari la tutan verkaron de Piĉ, almenaŭ tiuj pecoj kiuj ne estis libroforme akireblaj.

**LG** – Alia demando. Estas tre bona ideo ke vi verkas biografiojn pri pensuloj de la movado. Pri verkistoj vi neniam...

**EB** – Mi povus kompreneble. Mi ŝatas fari biografion sed ĝi ankaŭ devas esti de iu kiu ne nur verkis bonajn librojn, ĉar tiaj biografioj fariĝas precipe analizoj de la verkoj. Kaj Piĉ ekzemple ne havis tre aventuran vivon; li sidas ĉiam en la ĉambro.

**LG** – Kaj de verkisto restas la libroj. Sed de aktivaj homoj, de Cseh, restas nenio

**EB** – Ofte ankaŭ mi volas fari monumenton por tiuj valoraj esperantistoj, kiuj hazarde ne verkis librojn, ĉar ili estas forgesitaj tre rapide. Kaj ankaŭ Cseh, pro la Ĉe-metodo, la nomo restas konata. Ankaŭ tion ĝuste mi verkis pri Glück, tre valora homo... sed kiu konas?

**LG** – Certe vi havas emon pri venonta legado. Kion vi baldaŭ legos, ŝatus nepre legi?

**EB** – Mi devos legi... mi legis du trionojn de la verko de Trevor Steele, tiu fama romano, en Aŭstralio *Sed nur fragmento*, estas bonega romano, absolute perfekta, do mi volas la lastan parton legi; mia nepra venonta unua legaĵo. Ĉar se mi donas kurson en Bouresse, kaj mi priparolas ankaŭ Trevor Steele, ŝajnas al mi se oni parolas pri iu, faras recenzon, oni vere devas funde legi la librojn.

**LG** – Ĉar en la Kvinpetalo dum unu semajno vi pritraktos...

**EB** – ... jes, la 'modernan literaturon'. kaj Trevor Steele apartenos... jes

**LG** – Kaj kio ekster Esperanto, eble en la nederlanda, eble en traduko...?

**EB** – Ne, mi ne legas. Por tio mi ne havas tempon. Imagu, se mi volas verki la biografion de Andreo Cseh, mi devas legi centojn kaj centojn da leteroj, do mi legas sufiĉe... aŭ artikolojn el *La Praktiko*.

**LG** – Ĉu tio signifas ke 24 horojn tage vi dediĉas al Esperanto? Ĉu restas tempo por io alia... same agrabla? (Ed Borsboom ridas) Vi iris hieraŭ viziti la muzeon en Nancio, pri belarto. Tio ne estas esperantaĵo.

**EB** – Ne, ne. Io tute alia, mi interesiĝas pri la pentristoj de la 17a jarcento, la nederlandaj pentristoj, do Steen, Hals... Fakte profunde en mia koro mi estas historiisto. Andreo Cseh ofte diris al mi: 'Jes, mi diras tion por via kroniko, kiun vi poste verkos'. Li bone flaris ke mi vere interesiĝas pri la historio. Mi interesiĝas pri la nederlandaj pentristoj, ne en la unua loko pro la pentraĵoj, sed pro la historio de la epoko kaj de la pentristoj

**LG** – Ĉu pro la historio de la pentristo mem aŭ pro la historio de Nederlando, kiun oni povas ĉerpi el la pentraĵoj?

**EB** – Jes, la historio de tiu tempo. Kaj mi pensas: 'se oni fariĝas iom pli aĝa, estas bone havi pli simplan laboron'. La rigardado de pentraĵoj ŝajnas al mi pli simpla ol la intelekta laboro... legado, libroj en Esperanto.

**LG** – Ĉu vere temas pri 'laboro'?

**EB** – Se oni serioze legas libron en Esperanto, kaj se ĝi estas iom altkvalita, ĝi kostas energion, almenaŭ al mi.



"... oni devas ankaŭ vidi la aliajn samideanojn."
Ed Borsboom dekstre
Nancio, majo 1999

Kaj en Berlino, dum la UK mi donos kurson, en la Ĉe-metodo, al komencantoj. Do mi sufiĉe alternas ankaŭ miajn Esperanto-laborojn. Kaj laŭ mi estas tre grave ke oni ne tro sidas hejme... oni devas ankaŭ vidi la aliajn samideanojn. Pro tio mi komencis siatempe prelegi, por koni la aliajn.

LG – Via unua prelego en KCE estis en 80...

**EB** – En 81, kaj de tiam dum 10 jaroj mi faris ĝin, ĝis 90, kiam Claude Gacond finis sian laboron. Tio ŝajnis al mi ankaŭ bona momento por fini. Tiun laboron oni precipe faras, mi rimarkis, por personoj. Mi estis granda teatroamanto; kiam mi estis juna mi iris al la teatro por la teatraĵo, mi alinvitis knabinon, kamaradon, kiu ankaŭ interesiĝis? Sed kiam mi fariĝis proksimume 40jara, jam tio ŝanĝiĝis, kaj mi ne iris pro la teatraĵo sed pro miaj amikoj kiuj kuniris kaj la teatraĵo venis en la dua vico. Do mi faras la aferojn por la personoj, ankaŭ por Esperanto. Do se iu demandas min prelegi, mi rigardas la homojn, mi pensas 'ili bezonas vere preleganton, mi faros' Kaj Claude estas perfekta homo. Do mi pensis 'se li volas fari altlernejon por Esperanto li bezonas ankaŭ personojn kiuj instruas'.

LG – Admirinde, ke vi parolas pri iu temo aŭ alia absolute sen notoj, sen videbla plano skribita ie.

**EB** – La tuto estas en la kapo. Kaj mi adaptas al la personoj. Hieraŭ ekzemple mi rimarkis ke mia rakonto pri Ŝirjaev ne vere entuziasmigis la ĉeestantojn, do mi pensis 'kiel mi povas iom vigligi la aferon' kaj fine komencis paroli pri vortoj, vortoj kiujn li uzis, kaj kiuj estas malmodaj. Sed mi scias, pro la sperto, ke esperantistoj tre ŝatas paroli pri la lingvo kaj ili ĉiuj ĉiam pensas ke ili estas spertuloj, veraj lingvistoj sur tiu tereno. Do ili komencis debaton pri vortoj kaj tio helpis. Do mi tre bone rigardas al la publiko, se ili endormiĝas mi simple haltas...

LG – Kaj ankaŭ la nomon de Ŝirjaev, mi unue konis de vi. Kaj vi mem ĉu vi memoras kiam vi unuafoje aŭdis la nomon?

**EB** – Ŝirjaev, jes, ekzistas tiu fama kolekto de noveloj, *33 rakontoj*, tio estas vere majstra kolekto. En ĝi mi legis novelon de Ŝirjaev, kaj mi estis konsternita, estas absolute la plej bona novelo kiun mi iam legis; pro tio mi komencis iom fosi; kaj kelkajn jarojn poste mi estis en Vieno, mi vizitis Herbert Mayer kaj ni parolis ankaŭ pri Ŝirjaev kaj li diris 'li estas la plej granda', kaj ni sentis ke ni bezonas monumenton al li en formo de eldono de liaj verkoj.

LG – La dua, kies nomon unue vi menciis al mi, estas Trevor Steele. Vi volis la libron *Sed nur fragmento* kaj mi klopodis trovi ĝin kaj sendis, sed tiam mi konis nek la nomon, nek la titolon. Do mi dankas vin pro tio.

Kaj krom Esperanto, krom instruado, krom pentroarto, krom historio, kion vi plej ŝatas en la vivo? (sonorilo aŭdiĝas en la domo)

**EB** – Ho! Mi tre ŝatas bone manĝi.

LG - Ha! Do, bonan apetiton, Eddy! Jen ĝuste manĝotempo. Ho! mi tre dankas vin.

*LG = MdZ*

**ndlr:** *Ni atentigas niajn legantojn, ke nia intervjuo estis rekta, perparola kaj nepreparita de la intervjuito, kiu, en tiaj cirkonstancoj povis erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero.*

# PRI OBEZECO, DIETOJ, KOLESTEROLO KAJ RILATAJ TEMOJ

Pri la obezeco cirkulas nombro da opinioj kaj antaŭjuĝoj, kiujn konvenus analizi por vidi, ĉu ties partianoj pravas aŭ ne pravas. Nu, oni devus komence indiki, ke oni apliku kompletan analizon al persono sana kaj ĉefe sen organaj mankoj rilate al la funkciado de liaj glandoj. Kelkaj homoj havas la ideon, ke la obezecon kaŭzas precipe difinitaj specoj de nutraĵoj, ne la kvanto de ingestitaj kalorioj. Kaj oni havas ankaŭ strangajn opiniojn rilate al la tri grandaj nutraĵo-grupoj, nome PROTEINOJ, KARBONHIDRATOJ kaj GRASOJ, sen preni en konsideron aliajn faktorojn por la elekto de nutraĵoj: ties energi-dona konsisto kaj ties enhavo de vitaminoj, enzimoj kaj mineraloj.

La kemiaj elementoj plej gravaj por la vivo estas la PROTEINOJ, ĉar ili formas la strukturon de la korpo. Tio validas ne nur por la homoj, sed ankaŭ por ĉiuj bestoj kaj plantoj. Nenia estaĵo ekzistas sen proteinoj, ekde la plej sensignifa viruso ĝis la plej granda mamulo aŭ la plej giganta arbo. Kiam oni izolis la unuajn proteinojn el viva histo, la biokemiisto MULDER donis al ili ties nomon, en 1838, surbaze de la greka lingvo, kun la proksima signifo "tio, kio estas unualoke". La proteinoj konsistas el kvin elementoj: karbono, hidrogeno, oksigeno, nitrogeno kaj, foj-foje, sulfuro. La proteina molekulo estas tre granda, eĉ centojn da miloj pli ol, ekzemple, akva molekulo. Krome ĉi proteina molekulo povas konsisti el, proksimume, dudek diversaj varioj de aliaj minoraj molekuloj nomataj aminaj acidoj. Ĉi aminaj acidoj kombiniĝas inter si plej divers-maniere kaj formas grandan nombron da diferencaj proteinoj. La proteinaj permutaĵoj eblaj per tiuj dudek aminaj acidoj atingas astronomian ciferon: 2 433 000 000 000 000 000 (du trilionoj kvarcent tridek tri mil bilionoj). Ĉi tio klarigas, kial ekzistas en la naturo tiom da vivo-formoj surbaze de kelkaj el la dudek aminaj acidoj.

Same kiel la proteinoj formas la strukturon de la vivaj histoj, tiel la karbonhidratoj kaj la grasoj liveras la ENERGION, kiun bezonas ĉio vivanta. Esence ili estas molekuloj formitaj el karbonaj, hidrogenaj kaj oksigenaj atomoj, el kiuj la du unuaj estas energi-donaj elementoj. En la karbonhidratoj, la hidrogeno ĉiam troviĝas en duobla kvanto ol la oksigeno, t.e. kvazaŭ ĝi estus karbono ligita kun akvo-molekuloj. Oni povas diri, ke la duono de la karbonhidratoj konsistas, proksimume, el karbono kaj hidrogeno kaj la alia duono, el oksigeno. Aliflanke, 90 % de la grasoj konsistas el karbono kaj hidrogeno kaj nur 10 % el oksigeno, kio signifas, ke la graso havas pli da koncentrita energio (kiun oni mezuras per kalorioj) ol la karbonhidratoj. Kaŭze de tiu kombino, la bestoj asimilas la nutraĵon ĉefe en la formo de graso. En la homoj, la tuto de amelo (karbonhidrato) troviĝanta en la hepato enhavas energion nur por teni la korpon aktiva proksimume 15 horojn. Tamen la korpo povas akumuli grason en sufiĉa kvanto por kovri dum kelkaj semajnoj siajn bezonojn de energio.

Aliflanke la plantoj akumulas siajn rezervojn de energio en la formo de ameloj. Ĉi-kaŭze la karbonhidratoj devenas ĝenerale de la plantoj, dum la graso havas plej ofte bestan originon, escepte de la likvaj grasoj, nomataj oleoj, kiujn same povas produkti vegetaloj. La ameloj estas grandaj ĉenoj el glukozaj molekuloj. Sed la diferenco estas, ke la glukozo (speco de sukero) solviĝas en la akvo, sed ne la ameloj. La glukozo solviĝas en la sango, kiu ĝin alportas al korpopartoj kun bezono de energio. La amelo troviĝas en la hepato kaj kiam en la korpo mankas energio, tiam la enzimoj malkombinas amelon al glukozo.

Ĉiuj nutraĵoj ingestitaj de la homa korpo malkombiniĝas en primarajn elementojn per digestaj funkcioj. Tiuj primaraj molekuloj denove rekombiniĝas, por produkti kion la korpo bezonas, pere de procesoj en kiuj intervenas ĉefe la akvo. Ĉi procesoj ricevas la nomon HIDROLIZO, kaj rivelas kial la homa

korpo estas plejparte akva. Por akceli tiujn reakciojn la korpo uzas, katalizil-maniere, ENZIMOJN, t. e. proteinajn molekulojn kun la funkcio kontroli, akceli kaj direkti la rekombiniĝon de la primaraj elementoj. Kaj same kiel ekzistas tri ĉefaj grupoj de nutraĵoj, tiel same ekzistas tri grupoj de digestigaj enzimoj: AMELAZOJ, kiuj procesas la karbonhidratojn; LIPAZOJ, kiuj procesas la grasojn; kaj PROTEINAZOJ, kiuj procesas la proteinojn. Ekzemple, ĉe la komenco de la digesta proceso, la salivo enhavas amelazon, kiu malkombinas la karbonhidratojn, kaj tiel, sinsekve, faras aliaj agantoj kaj enzimoj por malkombini kaj rekombini ĉiujn nutraĵojn ingestitajn tiel, ke ili invertiĝu en la vitalaj funkcioj korpaj. Ĉio ĉi implicas konsumon de energio, parte por la funkcioj propraj al la organismo mem (metabolismo) kaj parte por la realigo de ekstera laboro: iradi, kuri, fosi teron, lavi tolaĵojn, nutri infanon ktp. (korpa aktiveco). Kiel dirite, la mezur-unuo de tiu energio nomiĝas kalorio kaj, memkompreneble, ju pli etas la aktiveco de persono, des malpli da kalorioj li konsumas. Tiel same, loĝanto en frida klimato bezonas ingesti pli da energio (kalorioj) por konservi la temperaturon de sia korpo, ol alia persono vivanta en varma klimato. Ĉi tio kondukas nin al la demando: kiom da kalorioj minimume bezonas unu homo por teni sin viva? La respondon donas la tiel nomata BAZA METABOLA KVANTO, kiu varias laŭ la grando de la personoj, kaj kiun oni determinas pere de mezuroj kiam la korpoj, en fasta stato, kuŝas tute senmovaj.

Ĉefe du fueloj provizas la energion: karbono kaj hidrogeno, kiuj formas parton de la organikaj molekuloj. Por ke okazu la brulo, necesas la ĉeesto de karburaĵo, nome, libera oksigeno, kiu abundas en la spirata aero. Sed la brulo (oksidado) ne okazas rapide. Pere de enzimoj ĝi fariĝas lanta proceso en kiu la interagado de karbono, hidrogeno kaj oksigeno kreas la necesan energion kaj postlasas, kiel reziduon, akvon kaj karbonbioksidon, kiujn la korpo eliminas.

Tiel do, kiam la korpo bezonas grasojn, ĝi formas ilin el la karbonhidratoj aŭ el la proteinoj. Kiam la korpo havas grasojn, ĝi povas formi el ili karbonhidratojn. Kaj kiam la korpo bezonas proteinojn, ĝi utiligas la karbonhidratojn aŭ la grasojn, sed kun la grasoj la korpo bezonas ankaŭ la ĉeeston de nitrogenaj elementoj. Oni ne forgesu, ke la karbonhidrataj kaj la grasaj molekuloj konsistas nur el karbono, hidrogeno kaj oksigeno, dum la proteinaj molekuloj enhavas, krome kaj nepre, nitrogenon.

*

El ĉio ĉi oni fine komprenas, ke sanaj homoj povas suferi de obezeco. Temas pri simpla biotermika ekvacio. Kiam la homa organismo evoluas dum la infanaĝo kaj la pubereco, kaj

**PROVERBO-ĈIFRO 'PĈ-84'**

Δ☆ ǂ☆≤∏∇ ≠☆⊇ ∵☆≤∏∇ –
≠☆⊇ ≥∈□∵∏∇ Δ☆ Δ⊆
ǂ☆≤∏∇.

≥∵□≥∵∏ ∇⊇θ⊆∵□ –
≥∈⊆≠ ∋∵∏Δ≤∏ ∇⊇∵
∈∏ ∴⊆∵□.

En tiuj ĉi du tekstoj kaŝiĝas duproverboj Zamenhofaj. Ĉiu simbolo/signo reprezentas literon; samaj simboloj do estas samaj literoj. Multe da plezuro!

Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 30nov99

parte dum la jun-aĝo, tre necesas havigi proteinojn al la korpo por ties sana formiĝo. Sed kiam la korpo tute disvolviĝis, ĝi nur bezonas bontenadon (proteinoj), metabolismon kaj aktivecon (karbonhidratoj kaj grasoj). Temas do pri tio, ke la du termoj de la ekvacio teniĝu en ekvilibro, tiel ke la kvanto de ingestitaj kalorioj egalu la kvanton de kalorioj konsumitaj. Se oni ingestas pli ol oni konsumas, la saldo deponiĝas ĉefe en formo de graso, t.e. en formo plej efika por la reteno de energio, ĉar la graso okupas malpli da loko ol la karbonhidratoj. Alia parto deponiĝas, en formo de amelo, en la hepato. Kaj alia eta parto konstante cirkulas, kun la sango, en formo de glukozo. Ĉi glukozon aŭ sukeron, kiu ne suferas postajn transformiĝojn, povas uzi tuj la korpo kvazaŭ fuelon. Aliflanke, se prezentiĝas nenormala stato de tuta manko de nutraĵoj, la korpo tuj elĉerpas la rezervon de glukozo kaj ĝin anstataŭigas per la amelo aŭ glukozo, kiun produktas la hepato. Siaflanke ĉi amelo renoviĝas dank' al proceso de utiligo de la grasoj troviĝantaj en diversaj partoj de la korpo. Se al la homa korpo ne mankas akvo, ĝi kapablas elteni kelke da semajnoj nutrante sin per nur la korpaj rezervoj.

Ni konsciu, ke la homa speco vivas sur la Tero ekde jar-milionoj kaj ke nur en la du lastaj jarcentoj manifestiĝas la fenomeno “abunda manĝo ajnahore kaj ajnaloke”. Dum la antaŭaj jarmiloj, la normo estis havigi al si, per ĉaso kaj rudimentaj kultivoj, okazan kaj ĝenerale nesufiĉan nutraĵon por distribuo inter la familio aŭ la tribo. Malsanoj, pli ol manĝekscesoj, kaŭzis la obezecon, ĉar nur de tempo al tempo oni tromanĝis, se oni sukcesis kapti grandan beston, kies viando konsumiĝis en malmultaj tagoj. La nutraĵo ĝenerale konsistis el grenoj, radikoj, vegetaloj, fruktoj kaj bestetoj kaj, por akiri ilin, necesis fizika streĉo preskaŭ konstanta; kun granda uzo de energio. Nuntempe la obezeco estas sekvo de tromanĝo, de malbona elekto de nutraĵoj, manko de fizika ekzercado ne intensa sed konstanta, kian faris niaj prauloj pro imperativa neceso. Kompreneble, kiam ni parolas pri la ‘problemo’ de obezeco, ni rilatigas ĝin al la loĝantoj de landoj alte disvolviĝintaj, kiuj ĝenerale produktas kaj konsumas tro da nutraĵoj. Kaj tiaj nutraĵoj abundas je graso. Kaj la fizika streĉo, kiujn la loĝantoj faras por ilin produkti, ne respondas al la energio akumulata en iliaj korpoj. Kaj inter tio, kion ili elektas por manĝi, abundas rafinitaj produktoj mankaj je kelkaj el la aminaj acidoj, enzimoj, fibroj, vitaminoj kaj mineraloj, tiel necesaj kiel la ingesto, en ĝustaj kvantoj, de proteinoj, grasoj kaj karbonhidratoj. Sekve de tio OBEZECO kaj SUBNUTRADO prezentiĝas kune, eĉ se tio ŝajnas iel paradoksa.

Aliflanke, se oni ekzamenas la loĝantojn de la nomata “tria mondo”, oni vidos ke la obezeco estas nenia ‘problemo’, ĉar obezuloj ne ekzistas (se escepti kelkajn pro glandaj misfunkcioj, kaj koruptitojn, kiuj ĝuas sibaritan vivon) sed ja subnutrado pro manko de rimedoj, pro ‘malsato’, pro tio ke, laŭ la biotermika ekvacio, tiuj loĝantoj konsumas pli da kalorioj ol kiom ili ingestas.

La transformiĝoj de energio obeas fizikajn leĝojn milfoje pruvitajn, kies fundamenta aksiomo diras: “la energio ne kreiĝas nek malaperas, nur ŝanĝiĝas”. Kaj en la viv-procesoj, en

## SOLVO DE 'KVE-83'

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| W | E | N | N | E | R | G | R | E | N |
| A | L | O | ■ | D | E | ■ | O | K | A |
| R | I | M | L | E | T | E | R | O | J |
| I | R | I | A | N | O | ■ | E | F | A |
| N | O | N | O | J | ■ | S | T | U | D |
| G | ■ | A | D | ■ | D | I | E | T | ■ |
| H | A | L | I | A | E | T | ■ | U | J |
| I | B | I | K | ■ | R | E | T | R | O |
| E | N | S | E | M | B | L | ■ | O | N |
| N | ■ | M | O | Ĉ | I | O | J | ■ | I |

Monogramoj: V5, Ĉao Mong-fu (1254-1322)

**Laŭron al la solvinto de 'KVE-83'**

*Gérard LABASTHE*

kiuj okazas transiĝo de energio inter tio, kion oni ingestas, konsumas kaj konservas, la leĝo nepre plenumiĝas. Ĉio alia estas iluzioj, mitoj kaj nescio.

*

Alia el la aktualaĵoj estas la KOLESTEROLO. Oni tre parolis pri la kolesterolo, kiam oni ne havis klaran ideon pri ĝi. Kaj oni tre parolas ankaŭ nun, kiam oni konas ĝian kemian komponon sed ne plenan koncepton pri ĝiaj fiziologiaj funkcioj en la homa korpo.

La kolesterolo estas organika alkoholo apartenanta al grupo de ESTEROJ. En la kompono de ĝia molekulo troviĝas, krom la grupo -OH karakteriza de la alkoholoj, ankaŭ 27 karbonatomoj kaj 45 hidrogen-atomoj, kio rivelas ĝian altan koncentriĝon de energio. La kolesterolo estas vakse blanka substanco, kiu troviĝas en la homaj histoj, ĉefe en la cerbo, kaj plenumas serion de esencaj funkcioj en la organismo.

Iom post iom oni eltrovas aspektojn de la fiziologia disvolviĝo de la homo, en kiuj la kolesterolo ludas fundamentan rolon por la formiĝo de galo, kiu helpas la digeston kaj asimilon de grasoj, kaj por la formiĝo de kelkaj hormonoj, inter ili la oestrogeno kaj la testosterono. Laŭ freŝ-dataj studoj de Philip BEACHY, membro de la universitato *John Hopkins* en Baltimore, ŝajnas, ke la kolesterolo kontrolas proteinon fundamentan por la disvolviĝo de la homa embrio. Surbaze de tiaj informoj, ni deziras atentigi, ke oni devas konsideri kun rezervoj kion lasta-tempe oni deklaras pri la noca influo de kolesterolo en kardio-vaskulaj afekcioj. Ja estas nenio nova ĉi fluktuado inter deklaroj laŭdaj hodiaŭ kaj mallaŭdaj morgaŭ pri sistemo, kuracado aŭ medikamento. Komence de la jarcento oni kredis, ke kuracado surbaze de saloj radioaktivaj estas vera panaceo, ĝis pruviĝis, ke tiaj saloj havas kancerogenajn efikojn. Antaŭ nelonge la medicina scienco konsideris la oliv-oleon suspektinda, eĉ noca por la sano. Hodiaŭ la sama medicina scienco asertas ke tia oleo bonfaras al la sano. Esta vere, ke la kolesterolo, KIAM TROA, emas adheri al la arteriaj parietoj, same kiel troa nutraĵo emas deponiĝi, en formo de graso, en pluraj korpopartoj.

Resume, ŝajnas, ke plej favora por la sano estas: MANĜI EL ĈIA NUTRAĴO SED EN MODERAJ KVANTOJ, NE INGESTI TRO DA KALORIOJ KAJ VIVI VIVON AKTIVAN TIEL FIZIKE KIEL MENSE.

*

Nun ni komentu alian tre laŭmodan temon, nome, la fizika ekzercado. Kiel sugestas la proverba malbeno dia, "en la ŝvito de via vizaĝo vi manĝados panon", laŭlonge de la tempo regis la konstanto, ke la supervivado postulas senhaltan fort-streĉon, kiu estas pli malpli intensa laŭ la socia medio de ĉiu individuo. En primitivaj epokoj, kiam ne ekzistis la socia strukturo nuntempa generita de la scienco kaj la teknologio, estis senĉesa la fizika penado de la tiamaj homoj tiel en ĉaso, fiŝkaptado kaj rikolto de grenoj, fruktoj kaj radikoj, kiel en la serĉo kaj pretigo de materialoj por la konstruo de kabanoj kaj aliaj loĝejoj, dum samtempe ili luktis sindefende kontraŭ sovaĝaj bestoj. Ĝenerale, temis pri fizika aktiveco ne tre intensa, sed preskaŭ seninterrompa, laŭlonge de la tuta tago. Temis pri la NATURA KONDIĈO de la homoj en ties tiama medio.

La moderna medio de industriigitaj landoj – kaj de kelkaj aliaj en proceso de disvolviĝo – ne bezonas tiun konstantan uzon de fizika forto por supervivado de la homo. Hodiaŭ la nutraĵo troviĝas ĉe la strat-angula superbazaro je ajna horo en ajna kvanto, kaj oni ĝin havigas al si per la minimuma fort-uzo stiri aŭtomobilon, lifte supreniri al apartamento, kuiri per elektro aŭ gaso premante son-butonon... dum la lavmaŝino, pli frue programita, purigas la tolaĵojn de la hejmo kaj, poste, alia maŝino elektre funkcianta ilin sekigas. Ja multaj familioj ne povas permesi al si la lukson disponi tiajn maŝinojn por la mastrumo hejma kaj tiukaze la fizika aktiveco de la dommastrino estas multe pli granda ol tiu de bon-havaj sinjorinoj, kiuj disponas ĉiajn teknikajn avantaĝojn kaj krome povas pagi la laboron de servistinoj. Kaj ĉi riĉaj sinjorinoj (fakte neniofaraj en la hejmo, ĉar la maŝinoj aŭ la servistinoj faras preskaŭ ĉion) ĉeestas gimnastikejon kaj tie fizike ekzerciĝas kun la aspiro havi la korpon "en bona formo" kaj elimini la ekscese ingestitajn kaloriojn. Ili




el *USA Today*, aprilo 1999

tiel anstataŭigas la mankon de 'humiliga' ekzercado natura per alia arta sed 'pli eleganta'. Tamen la ingesto de kalorioj en societaj kunvenoj teniĝas alta pro sibaritismo kaj manko de sinregado, kio kondukas al pez-eksceso. Sed ĉi pez-eksceso taŭgas kiel babiltemo kaj donas motivon por senĉesaj konversacioj pri dietoj, pezoj kaj plipezoj, gimnastikejoj, sport-vestoj, kur-ŝuoj, man-sakoj kaj pri nekalkulebla nombro da modaj artikloj, kio karakterizas tiun specialan parton de la socio vivanta en daŭra nenifarado.

Rilate al la laboro de la obezaj sinjoroj, multaj sidas la tutan tagon skribante paperaĉojn, farante kalkulojn, manipulante komputerojn, aŭskultante ĉe giĉeto petojn aŭ reklamaciojn de klientoj... Resume, nul fizika laboro kaj multe da mensa streĉo aŭ de parola rilato kun homoj kun kiuj niaj obezuloj dividas nenian komunan intereson kaj aldone enspiras, dum longaj horoj, la fumon de siaj kaj iliaj cigaredoj. Tiel estiĝas la nomata "streso" aŭ nerva tensio kaŭze de plenumo de kontrakto, de starigo de bilanco; de oficista servo al centoj de personoj staraj en vico por aĉeti poŝt-markojn aŭ peti kopion de naskiĝo-atesto... Ĉio ĉi postulas la uzon, ne de forto fizika, sed de nerva energio; kies konsumo de kalorioj estas relative malalta, sekve, se oni manĝas iom tro, tiu 'iom' lante akumuliĝas en formo de graso en diversaj korpo-partoj dum la muskola histo moliĝas. Nu, kion faras tiuj sinjoroj, kiam ili sentas sin en nebona stato fizika kaj kun kelkaj troaj kilogramoj? Jen kion: ili transformiĝas en semajnfinajn atletojn: trotas en la parkoj aŭ sur stratoj kaj avenuoj, kaj inter veturiloj kaj piedirantoj, enspiras aĉan miksaĵon el polvo kaj el fumo de ellas-tuboj kaj snufas kiel ĉevaloj. Ankaŭ por tiuj atletoj abundas en la vendejoj artikloj sportaj, ekzemple kombineoj, ŝuoj, vizierĉapoj ktp., kiuj donas noton de distingiteco al siaj uzantoj. Tamen, en la cetero de la semajno ĉi specialaj atletoj ne kapablas piediri du domblokojn kaj transportas sin aŭtomobile eĉ por la plej simplaj aferoj, ekz. aĉeti ĵurnalon aŭ akiri negravaĵon de ĉiutaga konsumo. Sed ili ne retenas sin de tio, ekscese manĝi tion, kio plaĉas al ilia palato. Kaj kiam ni diras 'ekscese', oni komprenu, ke ni aludas la diferencon inter kalorioj ingestitaj kaj kalorioj konsumitaj, kiu diferenco vere mezuras la eksceson.

Estas vere, ke per ekzercado fortiĝas la korpo. Sed lastatempe kreskadis ia fanatika obsedo al la fizikaj ekzercoj, kiu ofte atingas absurdajn ekstremojn kaj defendas groteskajn opiniojn, sen atenti ke la strukturo de la homa korpo ne estas adekvata por fari longajn kuradojn kaj saltojn nek por levi grandajn pezojn. Dum la longa evoluo biologia ĝis la apero de la *homo sapiens*, la humanoidoj devis fari okaze intensajn fortostreĉojn por defendi sin kontraŭ rabobestoj aŭ por persekuti kaj ataki la bestojn, kiuj taŭgis kiel nutraĵo. En ĉi cirkonstancoj, la homa organismo prepariĝis lukti kiel unu tuto: ekscito kaj timo kaŭzis, ke la surrenaj glandoj sekreciis en la sangofluon NENORMALAJN dozojn da adrenalino, kiu pretigis la korpon al la realigo de NENORMALAJ fortostreĉoj, en

kondiĉoj tre malsamaj al tiuj de la semajnfina 'atleto', ĉar li sentas nenian EKSTERAN stimulon pliigi la adrenalinon.

Oni preteratentas ankaŭ la faktoron aĝo kiam oni komencas fari ekzercojn, al kiuj la propra korpo kontraŭas. La infanoj, same kiel ĉiuj bestidoj, kuras, ludas, kaj petolas konstante kaj preskaŭ senlace. En tia aĝo disvolviĝas kaj la korpa strukturo kaj la muskola histo kaj sekve la infanoj, laŭ natura impulso, apenaŭ ripozas, kun eltenemo kiun adoltoj nur tre pene povus egali. Jam en la matura aĝo, kun la korpo plene formita, malaperas la imperativa neceso moviĝi senĉese kaj tiam komencas montriĝi la unuaj signoj de obezeco, alivorte, la kvanto de kalorioj ingestataj pli grandas ol la kvanto de kalorioj konsumataj. Same okazas nuntempe al la infanoj mankaj je spaco kaj sekureco por kuri kaj ludi sub la libera ĉielo: iliaj korpoj disvolviĝas sed sen la muskola elasto liverata de la proteinoj kaj de la ekzercado. kaj la eksceso de ingestitaj kalorioj (eksceso pro manko de konsumo sekve de apenaŭa ekzerco fizika) deponiĝas, en formo de grasoj, kaj tial la infanoj kreskas adipozaj kaj molaĉaj.

Oni ne forgesu, ke ĉiu aĝo postulas la kvanton de ekzercado, kiun ĝi povas normale elteni. Pretendi tion, ke 40-jara adolto faru ĉiujn movojn, kiujn faras 10- aŭ 12-jara infano, estas tiel absurde kiel pretendi, ke 70-jarulo faru la movojn de 40-jara homo. Tio egalus ignori la neeviteblan eluziĝon de la korpo de ĉia vivaĵo laŭlonge de la tempo-paso. Mi ripetas, ke mi aludas la meznombron de la homoj, ĉar ja okazas, ke iam tiam, 90-jarulo ĝuas bonan san-staton kvankam li neniam gimnastis, nek kuris, nek naĝis nek faris ion similan. Kaj kontraŭe, homoj, kiuj fizike aktivis dum sia juneco kaj parto de sia matura aĝo (sportistoj kaj atletoj), jam 55-jaraj aŭ 60-jaraj komencas suferi la misfartojn kaj afekciojn de la ceteraj mortaloj. Ekzistas genetika faktoro, kiu fundamente influas la ekeston de tiuj diferencoj.

La iluzio 'malhelpi' la oldiĝon kaj 'konservi la figuron' puŝas multegajn homojn blinde akcepti absurdajn dietistikajn normojn, senhezite fari fizikajn ekzercojn, kiuj ne respondas al ilia aĝo, havigi al si amuletojn kaj praktiki magiajn ritojn... Kaj surbaze de tiaj 'iluzioj' kaj de tia nescio, prosperas spekulaj kaj trompaj negocoj pri dietoj, balzamoj, kosmetikaĵoj, kremoj, ritoj, preĝoj, zodiakaj signoj, bagateloj benitaj de ĉarlatan-kuracisto aŭ de pastro... aparte de tiom da produktoj liverataj de la industrio al la merkato kaj aĉetataj, kun blinda fido, de naivaj viroj kaj virinoj. Kiel rezisti la sorĉon de, ekzemple, "rejuniga kremo el algoj kaj vitaminoj" kaj "antitempa kremo" por la mon-havaj, kaj de "kupra braceleto" por la paŭperaj? Ja iluzio kaj nescio troviĝas en ĉiu socia klaso, kaj la ekspluatado de tiaj iluzio kaj nescio ekzistis ĉiam, devenas de la ŝton-epoko. La homa speco, tiel socie kiel individue, ŝajne troviĝas inter la amboso de vanaj utopioj kaj la martelo de neflekseblaj realaĵoj. Tion intuas la popola saĝo per jenaj proverboj: "batoj volonte ricevitaj ne doloras" kaj "blindulo sonĝis vidi kaj sonĝis kion li deziris"; kaj krome ĝi gravuris sur antikvaj mur-horloĝoj ĉi mordan kaj senkompatan sentencon: *vulnerant omnes; ultima necat* (latine: "ĉiu vundas; la lasta pereigas").

*LUKIZARRA*

## ŜAKPROBLEMO 'ŜPB-84'

Blankuloj komencas, kaj matigas per 5 movoj

Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 30nov99



# STIMULAJ RIMAĴOJ

Leen DEIJ, *Infaneske*, kun bildoj de eldonisto Lilli Giloteaux, 3/6 allée Béranger, FR-59170 Croix 1997, 48p, ĉ. 3,80 eŭroj

Post poemaro *Fragmentoj*, romano *Aminda*, profundsencaj artikoloj, Leen DEIJ malkovris alian faceton de sia talento. Aperis *Infaneske*, rimaĵoj por legi, voĉlegi, deklami, kune kanti, lerni parkere. Koncize dirite ĝi stimulas al varia uzado.

Tuj frapas la karakteriza, riĉa lingvouzo, ekz. en *Nia hundo*:

"Vi jelpas pro dolor' aŭ puno
vi hojlas kontraŭ plena luno
vi grumblas gorĝe, dentminace,
spirĝemas kaj bojetas pace."

Kutime en tiaj verkoj aktoras bestoj, ĉu parolantaj kiel en fabloj, ĉu similantaj al la mastro (*Grafino kun pudelo, Viro kun buldogo*); aliflanke ĉefrolas infanoj en siaj fantazia mondo aŭ ĉiutaga vivo. La aŭtoro tion vivece pentras en *Infanludo*, kie oni kvazaŭ vidas kaj aŭdas petolulojn dum lerneja paŭzo. Se mi ne eraras "la tuta ludprogram' de A ĝis Zo" antaŭ ni paradas, en almenaŭ dekkvin distraĵoj. Harmonias la vigla ritmo kun la enhavo:

"Infanoj krias, ridas kaj kverelas
– senbride gaja, kvazaŭ bunta bru' –
Petolaj buboj sian turbon pelas
per svingaj vipobatoj plu kaj plu."

Saman unuecon de formo kaj temo montras la unua poemo *Mia Kajto*:

"... Ne! ĝi tamen sin elturnas
al libera spaco sturmas
kaj post svingo grandioza
staras paca kaj ripoza...'

"Libera", "spaco", "sturmas", "svingo": fortaj vortoj vivigas la kajton, dum tiu lasta verso esprimas la venkon kontraŭ la elementoj.

Je la fino progresintoj trovas kategorion milde ironia, specife fronte al mirakloj de la tekniko, ekz: *La Televida Reklamfiguro*

'Reklamajn skeĉojn mi prezentas
Spektantojn sensuspektajn tentas
per drogo kontraŭ dormproblemo
kaj rejuniga noktokremo."

En *La Surfanto*, la kreinto metas la moviĝemon de akvosportisto, kontraŭ la rigidiĝo antaŭ ekrano

"... balanciĝante stari penas
sovaĝe baŭmas la tabulo,
en martumult' kaj ŝaŭmnebulo."
"Komputemul' kun mus' en mano
sin najlas antaŭ la ekrano."



Kia trafa komparo: balanciĝante – najlas!

La aŭtoro opinias dubinda nian aŭtomatigitan vivon, kiun li pentras en *Butonoj*, ĉar premo sur butono donos monon, muzikon, bildon, manĝaĵon, multajn komfortaĵojn, sed:

"Kontaktojn vi forgesas
paroli ne necesas."

Skizoj fare de Lili GILOTEAUX ornamas ĉiujn paĝojn, invitante la etulojn al kolorigado. *Infaneske* certe ricevos varman akcepton en Esperanto-familioj; krome ĝuos plenkreskuloj, en kiuj la infano ankoraŭ sin kaŝas.

Kiel ofte en Esperantio ĉi tiu libreto aspektas broŝure kaj ne kongruas al sia valoro. La dua preso meritus profesian eldonon kun kvalita papero kaj bela litertipo.

*Gerrie van GEFFEN*

## SIUA ĈEFO RAKONTAS

Luther STANDING BEAR, *Historietoj de la Siuoj*, 1934. elangligis William R. HARMON
Bero, Berkeley, 1999, 60p, ĉ. 5,50 eŭroj

En 1995 aperis esperante *Mia indiana knabeco*, kiun verkis en la 30aj jaroj Siua ĉefo Luter Staranta Urso. Jen de la sama aŭtoro, kaj helpe de la sama tradukinto, 20 rakontetoj (historietoj) apartenantaj al tiu popolo.

La rakontoj estas sufiĉe mallongaj: de malpli ol unu paĝo ĝis preskaŭ tri. Kontraste al la faktsciiga (tamen viveca kaj ne seka) karaktero de la unua libro, ĉi tiu prezentas buŝajn legendojn: jen pri la origino de afero aŭ besto, jen pri iu kuraĝa ago, jen pri reciproka afableco, jen pri divenopovo pere de sonĝo aŭ entranciĝo.

En *Prefaco* la aŭtoro klarigas, ke ĉi tiajn rakontojn oni prezentas "por ke tiel registriĝu la historio de la popolo", ne por "premi la junulojn lerni, sed por plezuro". Tio sugestas, ke oni ne intencas al la aŭskultantoj tro serioze trakti la rakontojn kiel faktojn, kio eventuale okazas ĉe tiuj de aliaj gentoj.

Tamen indas fari komparon kun legendoj kaj mitoj de aliaj popoloj. Ofte oni trovas trajtojn universalecajn. Tion oni povas konstati ekzemple pro tio, ke dum legado eblas diveni la rezulton antaŭ ol atingi la finon. Por tiaj rakontoj, varias nur la detaloj. Sed foje oni trovas rakonton sufiĉe unikan, kun fino neatendita aŭ eĉ iom surpriza.

La du libroj estas komplementaj kaj sufiĉe instruaj pri la vivo kaj kulturo de la Siuoj (Lakotoj). Se iu antaŭe pristudis tiun genton per verkoj de eksteruloj, jen ŝanco gajni ankaŭ perspektivon de verkema internulo mem.

*Reginald JADERSTROM*



## BLINDULO HELPIS MIN VIDI

Estis malfrue posttagmeze kiam la prezidanto de nia Bangkok-baza firmao donis lastan minutan taskon al mi: mi forirus venonttage akompanante ĉinan aferiston ĉe vidindaĵojn en norda Tajlando.

Silente kolerante, mi fiksrigardis mian malordan pupitron. La stakoj de papero atestis grandegan nefinitan laboron, kvankam mi laboris po sep tagojn semajne. Kiel mi iam kuratingos plenumon, mi scivolis?

Frue venontmatene, mi renkontis ĝentilan kaj elegantan viron kiu surportis fajnajn vestojn. Post unuhora flugo, ni pasigis la tagon vizitante vidindaĵojn, kun centoj da aliaj turistoj, plejparte troŝarĝitaj per fotiloj kaj memoraĵoj. Mi memoras min sentanta malŝaton pri ĉi tiu okulumanta homaro.

Vespere, mia ĉina kamarado kaj mi grimpis en aŭtobuseton por iri al vespermanĝo kaj spektaklo, kiun mi ofte ĉeestis antaŭe. Dum li paroletis kun aliaj turistoj, mi konversaciis ĝentile en la mallumo kun viro sidanta antaŭ mi, belgo flue parolanta la anglan. Mi scivolis kial li tenis la kapon senmova je stranga angulo, kvazaŭ li estus en meditado. Mi sciis la veron kiam mi vidis la blankan bastonon apud li. Li estis blinda.

La viro diris al mi ke li, adoleskulo, perdis la vidon pro akcidento. Sed tio ne malebligis al li vojaĝi sole. Nun, sesdekkelk-jaraĝa, li majstris la arton de senvida turismo, uzante la restantajn kvar sensojn por krei bildojn en lia menso.

Turniĝante por fronti min, li malrapide etendis manon, kiu, kiel mola besto, esploris la konturojn de mia vizaĝo. Malantaŭ mi, iu ekbriligis lampon, kaj mi povis vidi liajn brilajn, blankajn harojn kaj fortan, rokan vizaĝon. Liaj okuloj kuŝis profunde en la orbitoj.

'Ĉu mi povus sidi apud vi dum la vespermanĝo?' li demandis, 'mi ŝatus ke vi priskribu iomete tion kion vi vidos.'

'Mi estos feliĉa tion fari,' mi respondis.

Mia gasto iris antaŭe al la restoracio kun novaj amikoj. La blindulo kaj mi sekvis meze de longa vico de turistoj. Mia mano tenis lian kubuton por stiri lin, sed li antaŭeniris senhezite, kun ŝultroj rektaj, kapo alta, kvazaŭ li gvidus min.

Ni trovis tablon apud la scenejo. Dum ni atendis niajn trinkaĵojn, la blindulo diris: 'La muziko ŝajnas nekutima al miaj okcidentaj oreloj, sed ĝi havas ĉarmon. Bonvolu priskribi la muzikistojn.'

Mi ne estis rimarkinta la kvin virojn, flanke de la scenejo, kiuj ludis prelude al la spektaklo.

'Ili ŝidas kun krucitaj kruroj, surportas malstriktajn blankajn kotonajn ĉemizojn kaj nigrajn pantalonojn kun brilaj ruĝaj zonskarpoj. Tri estas junaj, unu mezaĝa kaj unu maljuna. Unu frapas etan tamburon, alia pinĉas lignan kordinstrumenton, kaj la tri ceteraj havas etajn violonĉelojn kaj arĉojn.'

Li ridetis, 'Kaj ĉi tiuj etaj iloj estas faritaj el...?'

Mi rigardis denove: 'Ligno... sed la sfera sonskatolo estas tuta kokosa ŝelo,' mi diris, kaŝante mian surprizon.

Kiam la lumoj malfortiĝis, la blindulo demandis: 'Kiel niaj kunturistoj aspektas?'

'Ĉiuj naciecoj, koloroj, formoj kaj grandecoj,' mi flustris, 'malplimulto fajne vestita.'

Kiam mi plimallaŭtigis mian voĉon kaj parolis apud lia orelo, la blindulo klinigis sian kapon avide al mi. Neniam iu aŭskultis min tiel rave kaj intense.

'Tre proksime al ni, maljuna japanino, kun profilo parte lumigita per la sceneja lumo,' mi diris, 'apud ŝi, blonda skandinava knabo, ĉirkaŭ kvinjara, kun koketa alĉiela nazo, kliniĝas antaŭen, kreanta duan lumigitan profilon sub la sia. Perfekta vivanta portreto de infaneco kaj maljuneco, de Eŭropo kaj Azio.'

'Jes, jes, mi vidas ilin,' diris la blindulo, ridetante.

La kurteno malfermiĝis, ses knabinoj dekkelkjaraj aperis kaj mi priskribis iliajn silkajn jupajn sarongojn, iliajn blankajn bluzojn kun brilruĝaj ŝultroskarpoj, kaj la orajn kapornamajn kronojn kun fleksеblaj pintoj ritme moviĝantaj laŭ la muziko.

'Ĉe iliaj fingro-pintoj estas oraj ungoj dek centimetrojn longaj,' mi diris al la blindulo. 'La ungoj emfazas ĉiun elegantan movon de la manoj, la efekto estas rava.'

Li ridetis kaj kapjesis: 'Kiom mirinde! Mi ŝatus tuŝi unu el la fingroungoj.'

Je la fino de la unua parto mi iris malantaŭ la scenejon por paroli kun la direktoro de la teatro. Revene, mi diris al mia kamarado: 'Oni invitas vin malantaŭ la scenejon.'

Post kelkaj minutoj, li staris apud unu el la dancistinoj, ŝia eta kapo apenaŭ atingis lian bruston. Ŝi timeme etendis ambaŭ manojn al li, la metalaj fingro-ungoj brilis en la supra lumo. Liaj manoj, kvaroble pli grandaj, malrapide etendis kaj ĉirkaŭpremis ilin kvazaŭ ili estus du etaj raraj birdoj. Kiam li palpis la glatan, kurban akrecon de la metalaj ungo-pintoj la knabino restis senmova, supren rigardante al lia vizaĝo kun mieno de solena timo. Mi ekhavis nodon en la gorĝo.

Dum vesperiĝis, ju pli mi observis kaj estis rekompencita per ekscitaj kapsignoj, des pli mi eltrovis: kolorojn, desegnojn kaj aranĝojn de lokaj kostumoj, tekson de haŭto sub dolĉa lumo, movojn de longaj nigraj aziaj hararoj kiam elegantaj kapoj kliniĝis laŭ la muziko, fervorajn vizaĝojn de la muzikistoj, eĉ la ekbrilan rideton de nia kelnerino en la duonmallumo.

Revene, en la hotela vestiblo, dum mia ĉina gasto ankoraŭ estis kun aliaj, la blindulo etendis sian grandan manon kaj varme tenis la mian. Ĝi restis tie dum momento kaj poste moviĝis al mia kubuto kaj al mia ŝultro. Niaj kapoj surprize turniĝis kiam la bastono falis sur la marmoran plankon. Li ne provis rekapti ĝin, sed, anstataŭe, li tiris min al si kaj forte brakumis min: 'Kiel belege vi vidis ĉion por mi!' li flustris, 'mi neniam povos danki vin sufiĉe.'

Poste, kompreno frapis min: mi devus danki lin. Mi ja estis la blindulo. Li helpis min levi la vualon kiu kovras tiel rapide niajn okulojn en ĉi tiu febra mondo, kaj li helpis min vidi ĉiujn tiujn aferojn pri kiuj mi ne miris antaŭe.

Ĉirkaŭ unu semajno post nia ekskurso, la prezidanto alvokis min en sian oficejon kaj diris ke la ĉina direktoro telefonis kaj esprimis grandan kontenton pri la ekskurso. 'Bona laboro!' la prezidanto diris ridetante, 'Mi sciis ke vi povas fari magiaĵon.'

Mi ne povis diri al li ke magiaĵo estis farita al mi.

*David LAMBOURNE*
*tradukis Aniruddha BANHATTI*
el *Reader's Digest*, aŭgusto 1996

**noto**: tion travivis en 1992ª belgo José STARCK, post internacia kongreso de vidhandikapitoj en Bangkoko (Tajlando).



## KROATINO RAKONTAS

Ivana BRLIĈ-MAZURANIĈ
*Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapiĉ*
elkroatigis Maja TIŜLJAR
Zagreb, 1998, 60p, ĉ. 7 eŭroj

Nia lingvo denove faras servon al la homoj – ĉi-kaze perante juvelan verkon de eta nacia literaturo al vasta esperantista publiko.

La aŭtorino de la libro – vivinta inter 1874-1938 –, proponita por Nobelpremio pri literaturo, estas klasikulo de la kroata porinfana literaturo. Ĉi-specon de la arto la lernolibroj karakterizas jene: mankas en ĝi detaloj, elstarigitaj estas la ĉefaj trajtoj, oftas modeloj, la kompozicio kaj la lingvaĵo estas simplaj, la teksto mobilizas la fantazion de la leganto kaj havas klaran idean akcenton... Laŭ la menciitaj trajtoj ni povus taksi *Mirindaj aventuroj*... kiel verko ekzempla. Tamen, krom ĉiuj profesiaj kvalitoj estas io alia, kio al la leginto elstaras unualoke: la homa boneco, trapenetranta la tutan libron. Tuj komence ni konatiĝas kun juna heroo, kun kiu ni reiras al la unuaj jaroj de ĉi-jarcento. La bildoj, kiuj pentriĝas antaŭ ni, estas tiutempaj, sed la enestantaj veroj validas senlime. La interes-streĉigaj okazintaĵoj tenas la atenton de la leganto ĝis la lasta paĝo de la libro – la elvokitaj sentoj eĥas multe pli longe. Iel tiel, kiel post la legado de *La eta princo*. Ili tuŝas la animon profunde. Ili pensigas. Ili instruas. Ili karesas.

Legu la libron – ĝi meritas tion.

*Katarina BODNÁROVÁ*

## EŬROPA FRANDA MALKONSENTO

En Meksikio dum la 17a jarcento la hispanaj invadintoj malkovris indianan trinkaĵon el tri pistitaj nuksoj. Unu, rufa, nomiĝis kakao; la dua, flava, maizo, kaj la tria, ruĝa, pimento. La konkerintoj preferis forigi maizon kaj pimenton, dolĉigi kakaon per mielo kaj aromigi ĝin per cinamo plus vanilo. Importita en Eŭropon, kakao estis longe konsiderata kiel medikamento porliena, laksiga, kaj eĉ seksardiga. Ĝia franda uzo kreskis malrapide kaj ĝi longe havis malamikojn, eĉ famajn, kiel la verkistoj S-ino de SÉVIGNÉ aŭ BALZAC.

Nun ĝi estas grandkvante trinkata aŭ manĝata en Okcidento; la Svisoj poĉampionas per (apenaŭ kredeble!) tridek kilogramojn jare. Ne ekzistas ĉokolado sed ĉokoladoj: tiu de kukistoj entenas pli ol 40 % da kakao; la plakoj sen lakto ĉirkaŭ 30 % laŭ la markoj, kaj kun lakto 20 %.

La kukista ĉokolado entenas pli ol 30 % da nuksa graso. La plakoj pezas ordinare 100 g kaj entenas kvin ĝis dek stangetojn. La energivaloro de unu stangeto povas varii de 50 ĝis 100 kilokalorioj. Krom graso, la cetero estas grandparte sukero (sakarozo): 60 %. Ĉokolado do estas nutraĵo kaloririĉa, energiporta, longa por digesti, aktivanta la sekrecion de la galveziko. La digestado postlasas malmulte da restaĵo. Kakao entenas diversajn aminojn, kiel tiraminon kaj fenilaminon, kiuj eble respondecas pri ĝia kvazaŭ drogsklaviga efiko ĉe iuj personoj, kaj pri kapdoloroj ĉe aliaj. Sed ĉar ĝi entenas multajn aliajn elementojn, inter kiuj estas teobromino kiel en teo, kafeino kiel en kafo, okzalato, kalio, magnezio... malfacile estas trovi kulpanton. Certe ĉu paroli pri kulpanto? Ĉokolado plej ofte estas bonege tolerata, eĉ, ĉe ŝatantoj, en surprizaj kvantoj. Ekzistas kluboj de fanatikaj franduloj, kiuj antaŭ ne longe akre plendis pri la eŭropa permeso al fabrikantoj malaltigi la procenton de kakao en la frandaĵoj, kiuj tamen konservos la nomon ĉokolado. Francaj delegitoj kontraŭstaris tiun malaltigon, sed la plimulto el la reprezentantoj de ŝtatoj, kie oni jam kutimas fabriki kakae malriĉan ĉokoladon, tamen venkis. Nun la demando estas: ĉu ŝparcele la francaj fabrikistoj sekvos tiun bedaŭrindan ekzemplon? Ĉu la ĉokoladamantoj devos paradi en la stratoj kun banderoloj: "Redonu nian veran ĉokoladon!"?

*JOHAN LUKO*

# JUĜALVOKOTA Victor HUGO

Washington – Kiam ajn mi vidas Ken STARR-on, mi pensas pri *La Mizeruloj* de Viktoro Hugo. Mi vidas Starr-on rolantan kiel inspektoro Javert, kiu decidis persekuti Jean Valjean-on pro supozita ŝtelo de panbulo.

Javert juĝalvokas ĉiujn en Francio, por atesti kontraŭ Valjean, kaj kio ekis kiel prokurora esploro pri bagatela panbulo, subite troiĝas en mamutan aferon.

*

Ĉar li ne sukcesis alpingli akuzon sur Valjean-on pro panŝtelado, post kvar jaroj kaj elspezo de 135 milionoj da francaj frankoj, Javert decidas pruvi, ke Valjean iam spertis amaferon kun Kozeta, kies kuratoro li estis. Por fari tion, la inspektoro vokas Fantinon, la patrinon de Kozeta, kiel sian unuan atestanton, kaj proponas imunecon al ŝi, kondiĉe ke ŝi ne svenu ĉe la tribunala barilo.

Kiam tio ne funkcias, Javert konektas magnetofonon al Lolita, la plej bona amikino de Kozeta, kaj instigas ŝin igi Kozetan diri, ke Valjean kulpas. Kozeta estas babilema ulineto, kiu provizas al Javert la krimpruvaĵan armilon, kiun li bezonas por trafi Valjean-on.

Tiel Valjean eskapas kaj aliĝas la Francan Revolucion.

Ĉe la barikadoj Valjean trovas Javert-on kaj denuncas lin kiel spionon de la dekstruloj. Javert juĝalvokas ĉiun barikadulon kaj akuzas ilin ĉiujn disvastigi onidirojn pri li.

Poste, prefere ol atesti, Valjean eniras en kloakon por eskapi.

Sed ĉe la kloak-fino atendas Javert. Li donas skriban juĝalvokon al Valjean, kiu faldas ĝin je paperaviadilo, kaj flosigas ĝin laŭlonge de la kloako ĝis la oficejo de Javert.

*

Javert arestas Valjean-on, sed baldaŭ liberigas lin. La inspektoro tiom hontas pri sia malforteco, ke li ĵetas sin en la kloakon kaj dronas.

Valjean estiĝas Prezidento de Francio kaj igas Kozetan favoratino en Versailles.

Mi ja scias, ke por ĵurnalisto estas riske akuzi Starr-on esti inspektoro Javert – sed tiu ĉi fakto hazarde estis tralikigita al mi de la Blanka Domo. Samokaze la oficejo de Starr tralikigis al mi la nomojn de ĉiuj amorantinoj de Valjean kaj kiom da fojoj ili estis solaj kun li.

William GINSBURG, la advokato de Monika LEWINSKY, tralikigis al mi la fakton, ke Lolita surbendigis la konversaciojn de Kozeta.

Por klarigi ĉion, la venontan semajnon Viktoro Hugo atestos fronte al la granda ĵurio.

*Art BUCHWALD*
*tradukis Jean DOUBLET*
el artikolo *Subpoena Victor Hugo*
en *International Herald Tribune*, 1998 III 3, p18

## SOLVO DE 'PĈ-82'

Kiu vivas sen kalkulo, baldaŭ estos almozulo
Ne prokrastu ĝis morgaŭ, kion vi povas fari hodiaŭ

*Nora CARAGEA*

**Laŭron al la solvintoj**

*Elda DOERFLER, Gérard LABASTHE*
*Helmut RÖSSLER, Pascal VILAIN*

## SOLVO DE 'ŜPB-83'

**1.** Ta8, d5 **2.** Tfb8, Kf5 **3.** Dc8 Mato!
se **2.** ...Kf3 **3.** Dh3 Mato!
se **1.** ...de5 **2.** Tae8, ed4 **3.** Te4 Mato!
O. Schories, 1921 *Reinhardt*

**Laŭron al la solvintoj**

*Gérard LABASTHE, Helmut RÖSSLER*

## EL LA KOBOLDO-KOFRO

☞ Ni stumblis dufoje en la intervjuo de Spomenka ŠTIMEC, *LG81*, p10:

– en maldekstra kolumno, la nomo de la fama berlina reĝisoro estas **Max Reinhardt**,

– en dekstra kolumno, lasta linio, la bieno ampleksas **12000** kvadrataj metroj.

☞ Ni forgesis en KVE de *LG83*, p11, nigrigi la faketon **H8**, kio tamen ne ĝenis la solvinton Gérard LABASTHE.

☞ Ni maloportune en ŜPB de *LG82*, p26, blankigis la origine nigran kurieron sur **e1**. Dankon al Helmut RÖSSLER kiu atentigis nin pri la eraro.

## LA MUSTAŜO DE PROFESORO MARTENO

Al emerito Laŭrenco venis lia amiko Emilo kaj proponis aĉeti akciojn de ĵus fondita entrepreno "Marteno kaj Kompanio" por ekspluatado de la eliksiro "Viruscido", radikala kaj unika rimedo kontraŭ la kokopesto laŭ la bombastaj vortoj de ĝia inventinto profesoro Marteno, kiu helpate de Manja, lia fratino, kaj de riĉulo profitinta el la milito prosperis efektivigi ĝin.

Ĉar oni ne destinas iel ajn monon formike kolektitan dum jaroj, Laŭrenco mienis skeptike al invito de Emilo, kiu, laborinte kiel komercagento sciis mielumi al si la langon por konvinki la plej obstinan klienton. Tial Emilo verve rakontis al Laŭrenco, ke li mem kaj ankaŭ lia frato jam aĉetis akciojn ofertitajn de Manja, nepre bezonanta vendi ilin por kovri propran ŝuldon; ke lia frato dungiĝos en la societa laboratorio, ke du aliaj emeritoj jam aĉetis akciojn kaj kunlaboros, ke lerta akciulino direktos la fakon de varekspedado, kaj fine, ke li mem administros la kontoron.



'Jen, amiko,' diris gaje Emilo, 'nun blovas favora vento, ni kaptu la okazon, ĉar kiu dormas, tiu ne ŝtormas!'

Fido naskas fidon. Lulate de bela perspektivo Laŭrenco grade cedis al ŝajne bona propono de Emilo, kies vizito kaj varba prediko agis tiel efike, ke post tri tagoj, dum societa kunsido, Laŭrenco aĉetis kontante kontraŭ kvitanco akciojn el la manoj de Manja.

Reveninte hejmen kun kvitanco en mano sed sen groŝo en poŝo, Laŭrenco redubis pri la ĵus farita decido kaj mense revidis S-inon Manja, kiu, ta, ta, ta... ta, ra, ra... parolas trote kaj galope. Li revidis ankaŭ profesoron Marteno parolantan bombaste, teĥnike kaj mienante simile al grava persono. Nun Laŭrenco rimarkis, ke ties mustaŝo estas laŭmode, onde tondita kiel tiu de frivoluloj, kio ŝokis lin, ĉar gravaj personoj ne havas tempon por la haroj kaj subite memoris strat-ĉarlatanon admonantan per potenca voĉo:

'Ne martirigu la harojn, sinjoroj! Ne rostu ilin per friziloj! Ne sufoku ilin en densaj tuberoj, nek mortigu ilin per nocaj ĥemiaĵoj! Kreskigu, radikigu ilin ĝis la kaposto per mia natura eliksiro kaj vi havos barbegon kun kiu vi sentos vin imponaj, kapablaj kaj seriozaj kiel scienculoj, filozofoj kaj artistoj.' Efektive, Darwin la natursciencisto, portis longan, dupintan barbon. Galileo, astronomo, portis barbon preskaŭ duoblan. Gounod, la komponisto, portis pufegan barbon kaj Zamenhof portis barbeton laŭ sia modesteco.

De nun Laŭrenco sciiĝis pri la nombraj inventaĵoj de la stranga profesoro, kiun ili ambaŭ kompatis ĉar ankaŭ li estis viktimo de ferocaj enviuloj penantaj bojkoti lin; eĉ la oficiala bestkuracisto negadis la efikon de Viruscido, kiun li nomis *Akveto*. Por defendi lin, Emilo sciigis ke unu el liaj inventaĵoj estas tia ŝipo, en kiun eĉ de kvarcentmetra profundeco fiŝoj kaj fiŝegoj levas sin kaj memkaptiĝas. Alia estas tia torpedo nepre trafanta celitan ŝipon, kaj alia estas aparato, – ho, pardonon! – kiu en necesejoj anstataŭas paperon, kaj aliajn ĝis dek kvin inventojn.

"Pli bone ne sali ol sali tro multe," diris Zamenhof. Efektive, tiom da meritegoj suspektigas, kaj Laŭrenco eĉ paliĝis. Emilo klopodis defendi la profesoron per nova informo:

'Profesoro Marteno montris al mi ciferplenajn paperojn pri problemoj de probableco; cetere, por mi estas ĉina scienco; sed li povas diveni la rezulton de futbalmatĉo, ĉar li kalkulas algebre ĉies eblecon, la favorajn kaj ne favorajn cirkonstancojn, kaj krome li uzas la




nedifineblan X-numeron, kiu subsignifas la okultan kaj surprizan faktoron; kaj aplikante la leĝojn de probableco laŭ kiuj la difinita numero emas reaperi en la formulo, same kiel la aliaj, ĉar ĝi havas la saman ŝancon... kaj tiel, per majstra kalkulado, elimininte el la ekvacio la negativajn numerojn, li restigas la pozitivajn, tio estas ciferojn antaŭsignantajn la rezulton de la respektiva matĉo. Laŭrenco replikis abrupte: 'Kial do la profesoro ne lukris jam milionojn per divenado de la venkonta teamo?'

Zamenhof diris: "Kiu tro fidas, tiu ne vidas". Tial Emilo estis certa ke profesoro Marteno, la modesta, senambicia kaj eĉ tro honesta ne farus tion pro morala skrupulo. Nun Laŭrenco revidis mense ne seriozan mustaŝon, sed ridindan frivolaĵon sub la nazo de tiu ŝajne dokta viro, kaj negativaj pensoj venis en lian kapon: amikeco estas danĝera, fidemo vindas la okulojn, entuziasmo senprudentigas, naiveco eĉ malsaĝigas... Eĉ la edzino de Emilo grumblis kolere ĉar ne ŝia edzo jam dungiĝis sed unu el la emeritoj aĉetinta pli multe da akcioj.

La firmo neniel prosperis. Emilo plendis ke profesoro Marteno estas terure ne decidema, timema, ke li ne puŝas antaŭen nek lasas ke oni puŝu. Dume vaniĝas la espero kaj kun ĝi rivero da moneroj. Marteno konfesis ke la stagnon kaŭzis etaj fiaskoj pro tre subtilaj fenomenoj. Unu fojon, li malkovris ke tra la poroj de la argilaj kuirpotoj tralikiĝis iaj elementoj de la petrolflamoj; duan fojon, la kaŭzo estis la kalko kaj kloro de la akvo; trian fojon oni aplikis la eliksiron kiam la birdaj ventroj estis jam putrantaj; aliafoje la aĉetitaj elementoj de Viruscido estis ne fajnaj... kaj aparte, la leĝa malpermeso reklami kontraŭ virusoj, la fia bestkuracisto kaj la akciulino, nuna sekretariino kiu ĉion nazumas kaj spionas. Tio bremsas nian impulson, sed ni ĉion venkos kun la helpo de Dio. Kaj, ĉar mono mondon regas, ni havigu al ni la necesan por granda laboratorio, perfekta eliksiro kaj akurata servado, kaj nepre sekvos la rekompenco.

Emilo, jam elektita kiel kontoristo, pledis por bankprunto.

'Ho! Ne!' replikis Marteno. 'La kapitalistoj estas senkoraj lupoj kaj donus al ni nur la ostojn! Ni fosu mem nian sulkon, kaj ni venkos'.

Okazis nova kunsido kun du novaj membroj ankaŭ aĉetintaj akciojn el manoj de Manja. Tie la profesoro kun sia freŝe tajlita mustaŝo, kiun Laŭrenco nun fikse rigardadis, rakontis, por levi el la marasmo la spiritojn, ke dum la milito, pro timo ke la ateistaj bolŝevikoj venkos, li iris al la germana ambasadoro oferti sian proceđon por alfundigo de ŝipoj per torpedo nepre trafanta ilin. Tie, Marteno diris, oni mire rigardis la planon, multe interesiĝis, dankis lin kaj akompanis lin ĝis la pordo flustrante en orelon: "Zorgu ke neniu alia homo ekhavu ĝin!", 'kaj de tiam,' li diris 'du spionoj sekvadis min ĉie. De tiam la germanaj militŝipoj alfundigis per mia torpedo centojn da aliancaj ŝipoj. Ofte mi timis ke tiuj spionoj pafos al mi en la dorson por ekskluziva posedo de la sekreto, sed dank' al Dio, ĝi ne okazis.'

La entrepreno stagnadis plu kvankam ĉiu, atendante, laboris nepagate. Marteno repledis por rezignacia atendo de la favora momento, sed dume, Laŭrenco sciiĝis ke el tiu mono disponigita de tiu financinto por reserĉado, Marteno kaj Manja ĉerpadis ĝis elĉerpiĝo; ĝi ja estis tiel hida! Nun Emilo rakontis al Laŭrenco, ke profesoro Marteno turnis sin al altaranga ekleziulo – esperante ke tiu ne trompos lin – por konsilo pri sia inventaĵo kiu ŝirmas la ŝipojn kontraŭ torpedoj kaj bomboj. La ekleziulo respondis:

'Mi konas tre prestiĝan polon nomatan Porkovski, kiu baldaŭ veturos Amerikon por diplomataĵo. Mi priparolos al li. Li povos trakti kun la Nordamerika militministro. Ni povas fidi sen ia timo ĉar mi ĵus favoris lin. Sciu, ke mi ceremoniis lian edziĝon al juna, pola fraŭlino kies gepatroj abomenis lin.' Sekvis renkontiĝo de Marteno kaj Porkovski, kiu mire demandis:

'Ĉu vi ĝuste taksis vian *trukon*? Se ĝusta, ĝi venis ĝustatempe.

Tiu novaĵo venis kiel revelacio en la orelojn de Emilo. Hura!! Fine venos la revata celo! Sed... anstataŭe, el la buŝo de la profesoro sonis la voĉo de Mefistofelo:

'Katastrofe, amiko Laŭrenco, kiel terure! Porkovski estas aventurulo, kiun la tribunalo atendas. Li edziĝis al tiu fraŭlineto kaj poste, kvazaŭ birdaĉo forflugis lasinte ŝin kanajle

trompita ĉar li estis jam edziĝinta en Polujo. Krom tio, li kopiis mian planon kaj mem subskribis ĝin kvazaŭ propran. La Viruscidan botelon li eĉ ne ofertis ĉar laŭ lia opinio ĝi estis ne interesa. Li traktis kun la amerika ministro, enpoŝigis al si la monon respondan al la plano kaj... la fiulo jam sin trovas trans montoj kaj maroj. Mi rezignis denunci lin ĉar eble nun estus la amerikaj spionoj miaj murdontoj. Blovas malfavora vento kaj ni devas atendi rezignacie la dian favoran volon.'

Kaj ne atendite ĝi estis jam venanta. Laŭrenco legis, ke okazos simpozio pri bestmalsanoj. Sinjoro Marteno konas la direktoron de la Sanitara Oficejo, kaj proponos al li alprezenti raporton pri mia eliksiro certe sensacia. Rekompence li ricevos akciojn de nia entrepreno, kaj tiel, la bestkuracisto devos de nun mordi sian klaĉeman langon.

Konsultite, tiu direktoro esprimis al li sian skeptikan miron:

'Via eliksiro, laŭ via aserto, estas mirindaĵo. Se ĝi povas kontraŭ virusoj en birda korpo, ĝi povos ankaŭ en la homa. Volu konvinki min, mia kara Marteno. Mi bezonas tuŝi la rezulton same kiel Sankta Tomaso la sangantan vundon. Poste, ĉio iros glite kiel pizo sur muro.'

Unu tagon, post longa silento, Laŭrenco trovis en gazeto la bredistajn raportojn al tiu simpozio, sed eĉ ne unu vorto pri Viruscido. Kio okazis? Mistero. Nur okaze de la jarfina kunsido P-ro Marteno senvualigis ĝin kiam li rakontis ke la simpozio plene fiaskis, ĉar Manja, lia fratino ekscese babilema iris antaŭe al bestkuracisto plendi pri lia konduto kontraŭ ni kaj nia eliksiro, kaj ta, ta, ta... ta, ra, ra..., ŝi malkaŝis al li ke la sanitara direktoro raportos pri Viruscido al tiu simpozio... kaj kion ŝi diris ankoraŭ? Tiam haste la bestkuracisto iris al tiu direktoro kaj klaĉis kiom li povis kontraŭ Viruscido kaj ni.

Inter du polusoj, la direktoro prevente komunikis al S-ro Marteno:

'Dum mi ne tuŝos kiel Sankta Tomaso la sangantan vundon mi ne volas esti implikita en via granda afero. Volu antaŭe konvinki min per faktoj, mi petas, kara Marteno.'

Tiu decido sonis katastrofe al Laŭrenco kaj Emilo. Inferaj tondroj! Emilo ŝvitis fajron kaj rabie sakris kontraŭ Manja, la papago, kiu ta, ta, ta, ta, ra, per sia diableca lango splitis la precipan ŝancon.

Profesoro Marteno provis levi ĉies spiritojn: 'La vivovojo konsistas el multaj meandroj. Ni laboru kaj esperu ĉar laboro kaj pacienco kondukas al potenco. Miaj karaj, post mia lasta eksperimentado, mi sciigas vin, ke mia VIRUSCIDO de nun estas absolute, matematike, nedubeble kaj evidente efika kontraŭ la kokopesto.' Patose li pugne frapis la tablon. 'Ni nur bezonas la necesan monon.'

Laŭrenco replikis:

'Mi aliĝis al via entrepreno, konvinkite, ke via eliksiro estis jam perfekta; sed vi ĵus konfesis, ke vi mensogis.'

Marteno serene respondis:

'Tute ne! Ni faris ĉion kiel ni nur povis kontraŭ subtilaj substancoj kaj argilaj potoj, sed precipe kontraŭ la grasaĉa bestkuracisto kaj la neŭrozeco de mia fratino Manja. Ni sincere esperu kaj Dio helpos nin.'

Laŭrenco rerigardis sub lian nazon kaj revidis la mustaŝan, ondan strion tiel propran de histriono, kiel malpropran de grava persono, kiu kun ne vera helpo de Dio kuracas ne la peston, sed la poŝojn de la bonaj dupoj. Trompite, naŭzite kaj priŝtelite, Laŭrenco foriris malbenante la tagon en kiu li aŭskultis la predikon de la tre dupa amiko Emilo kaj la rakontojn de lia dupega frato. Jam sur la trotuaro kaj pense volvite en friponaj ĉikanoj, prekaŭ puŝiĝis kun babilema najbarino iel suspektema, kiu tuj demandis:

'Ĉu vi laboras ĉi tie, ĉe la Monaĥeto?'

'Ho, ne! Mi nur rilatadis kun profesoro Marteno.'

'Ha, sinjoro, pardonon! Tie ĉi oni nomas lin *Monaĥeto* ĉar li rezidis iam kiel novico en monaĥejo el kiu li estis poste forpelita.'

'Nu, ĉu do konsekvence li edziĝis al serioza monaĥino?'

'Ho ne, sinjoro! Mia frato diris al mi, ke oni diris al li, ke lia edzino tiam estis tiel pimpe alloga, ke en kabaretoj ŝiaj logitaj gapuloj perdintaj pro ŝi la saĝon fariĝis poste laŭ siaj mienoj, nova speco de azenoj.'

'Kaj la Monaĥeto?'

'Oni diras, ke li diras, ke dank' al Dio sur la manĝotablo mankas nenio.'

*Salvador GUMÁ*

ndlr: mustaŝo = mustaĉo = liphar(ar)o

# ĈU VI JAM SCIAS...?

## Pri Danubio... ke

... post la fondiga kunveno, junie 1997 en Timisoara, Rumanio (vd *LG72* p31), post la dua kunveno, gastigata maje 1998 de la Universitato de Budapeŝto, altnivele organizita de prof-oro Endre DUDICH, la tria DANUBA ESPERANTLINGVA SCIENCA kaj KULTURA FORUMO okazis inter la 24a kaj la 27a de junio 1999 en Poprad (Slovakio).

Ĉeestis reprezentantoj el Kroatio, Hungario, Rumanio kaj Slovakio. Se oni bedaŭris la malĉeeston de aliaj danubaj landoj, oni ĝojis aliflanke ke invititoj el Pollando kaj Latvio honoris nian kunvenon.

La riĉa programo de prelegoj traktis diversajn temojn, de la belaĵoj de slovakaj grotoj, parkoj, aŭ religia arkitekturo, ĝis la etnogrupoj de la karpata baseno, de la allogaj biciklaj itineroj laŭlonge de Danubo ĝis la naciaj parkoj kaj turismo en Rumanio. Kompletige, ni vizitis la urbon Poprad kaj la naskiĝdomon de Tibor SEKELJ kaj Milan ZVARA ĉiĉeronis nin tra la neforgeseblaj mirindaĵoj de la Slovaka Paradizo.



Gravis interalie la fakto ke ni interesigis kaj altiris al kunlaboro novan institucion, la Ekonomikan Fakultaton de Poprad, kie, dum vizito, fakulo parolis al ni, kiel komencanta esperantisto, pri la suneklipso de 1999.

Elkoran dankon al la organizantoj pro la bona etoso! Ni esperas ke venontjare alia danuba lando gastigos la DESKF-on. Se ne, laŭ la statuto, Timisoara, kie naskiĝis la ideo kaj fondiĝis la forumo, atendos vin.

*Maria BUTAN*
Aleea Sportivilor 34/3
RO-1900 Timisoara, Rumanio

## Pri niaj veteranoj... ke

... du el la pioniraj *LG*-abonantoj, apogantoj kaj kunlaborantoj, havis rimarkindan naskiĝdatrevenon ĉi-somere:



❖ Bruno VOGELMANN fariĝis 90-jara la 30an de julio en Crailsheim, Germanio. Junulo, li estis laboristo, aktiva en komunistaj movadoj, jam esperantisto. Post la dua mondmilito li estras kemian fabrikon heredatan, ne plu politikumas, aŭtodidakte studas filozofion, ekonomion, sociologion.

Lia libro *La nova realismo* (1989), dufoje reeldonita, tradukita en 30 lingvojn, eldonita en 16 fremdaj lingvoj, estas unu el la malmultaj filozofiaj libroj en Esperanto.

Li kontribuis al la bonega *Internacia komerca-ekonomika vortaro en 9 lingvoj* (1974). Kelkajn jarojn poste li organizis la azian eldonon kun du pliaj lingvoj, la japana kaj la ĉina. Dank' al la ĉeesto de PENG Zhengming en Metz dum la OSIEK-konferenco, ni povis enmanigi tiun ĉi vortaron eldonitan en Pekino en 1990.

Ni varme gratulas nian helpeman kaj mecenatan kolegon.



❖ Salvador GUMÁ CLAVELL fariĝis 98-jara la 30an de septembro en Reus, Katalunio. Vigla homo li estas, nelacigebla piediranto, scivolema pri ĉiu sekreto de la nuna teknika mondo, lerta lignotornisto, li ŝatas alternon de manlaboraj kaj intelektaj okupoj.

Li bele mastras nian lingvon kaj kontribuis al la literatura E-kulturo artikole, poezie, recenze, kurs-gvide, konkurse, ĵurie, korekte, rakonte, traduke... Eĉ en 1926a Lanti proponis al li redaktadon de *Sennaciulo*.

Li dekomence kaj daŭre verkas rakontojn por *La Gazeto*, en lingvaĵo modela, simpla, vortoriĉa, kion malmultaj kolegoj volonte faras.

Ni ĉiuj varmkore dankas nian amikon kaj deziras al li sanon kaj vidkapablon.




# IEK'2000 - aliĝilo

ORGANIZA SOCIETO DE INTERNACIAJ ESPERANTO-KONFERENCOJ

**http://osiek.org**

**Internacia Esperanto-Konferenco 2000**

# *Multkultureco, multlingveco kaj kunvivado*

en **Motovun** (Istrio, Kroatio), **15-21 julio 2000**a

*- diskutvekaj prelegoj, familia kaj klera etoso, kultura turismo -*

**Konferencejo:** Hotelo Kaŝtel, 16-jarcenta kastelo kore de la malnova urbo; la hotelo havas nur 28 ĉambrojn, kun sesdeko da litoj: ĝi povus esti tute nia dum unu semajno, kun ĉiuj salonoj, interalie tiu en la korto sub la tricentjara arbo.
**Ekskursoj** (dum- kaj postkonferencaj: sab-dim-lun) en Hum/Colmo, plej malgranda urbo en la mondo, Groznjan/Grisignana, urbo de artistoj; insularo Brijuni/Brioni, marbordo...

| **Aliĝoj:** | ĝis 28feb2000 | ĝis 31apr2000 | poste |
|---|---|---|---|
| OSIEK-membro | 60 eŭr (400 FRF) | 75 eŭr (500 FRF) | 100 eŭr (670 FRF) |
| Nemembro | 75 eŭr (500 FRF) | 90 eŭr (600 FRF) | 115 eŭr (770 FRF) |

**Rim:** • Aliĝkotizo inkluzivas partoprenon al ĉiuj prelegoj kaj al dumkonferenca ekskurso
• Rabato 50%-a por : orienteŭropanoj, triamondanoj, junuloj ĝis 26-jaraj, studentoj • Paroj: rabato 10%
• Detalan informilon (ankaŭ pri hoteloj, kampadejoj ktp.) vi ricevos meze de januaro
• Kotizojn (menciu *IEK'2000*) al **1.** pĉk de kasisto Eric Laubacher **n° 1 399 87 R PARIS** aŭ **2.** per bankoĉeko al Eric Laubacher (eŭroj aŭ francaj frankoj) aŭ **3.** UEA-konto: **osie-h**
• **Rim.** kotizo por membriĝi en OSIEK **egalvaloras al** 25 poŝtmarkoj por sendi leteron en **via** lando. Kelkaj ekzemploj, dum 1999: 67,5 FRF, 27,5 DEM, 2500 GRD, ktp

## Aliĝoj kaj pliaj informoj

• **loka adreso:** Orbis Pictus de Viŝnja Brankovic, Via Leghissa 6, I - 34131 TRIESTE, Italio tel/fax + 39 /040 767 875 ret. orbispictus@iol.it

• **konstanta adreso:** S-ro Éric LAUBACHER, 1 rue Louis-Antoine de Bougainville, F - 78180 MONTIGNY Le Bx, Francio ret: ericl@iname.com

Mi, ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ..., el ... ... ... ... ... ...,
(familia NOMO) (persona Nomo) (lando)

aliĝas al IEK'2000 kaj sendas la kotizo(j)n per

❐ PoŝtĈekKonto ❐ Bankĉeko (eŭroj aŭ FRF) ❐ UEA-konto: **osie-h**

Mi petas oficialan invitleteron: ❐

## Konferencaj temoj kaj premiitaj verkoj

| jaro | urbo | temo | OSIEK-premio |
|---|---|---|---|
| 1988 | Metz (FR) | Internacia kaj naciaj kulturoj sojle de la dua jarcento de Esperanto | |
| 1989 | La Chaux-de-Fonds (CH) | La fenomeno 'Edmond Privat' (kune kun Literatura Foiro koop) | |
| 1990 | Tinje/Tainach (AT) | Ideologio kaj Esperanto | Rihej Nomura<br>*Zamenhofa ekzemplaro* |
| 1991 | Poprad (SK) | Esperanto kaj "Nova Eŭropo" | Evaldo Pauli<br>*Mil jaroj de kristana filozofio* |
| 1992 | Ateno (GR) | Lingvo kaj kulturo | Ebbe Vilborg<br>*Etimologia vortaro de E-o* |
| 1993 | Kondoros (HU) | Kial paroli Esperanton? | Ulrich Lins<br>*La danĝera lingvo* |
| 1994 | Homburg (DE) | Ksenofobio : kaŭzoj kaj rimedoj | Rüdiger Eichholz<br>*Esperanta bildvortaro* |
| 1995 | Varsovio (PL) | Vivo kaj verko de Ivo Lapenna | Donald Broadribb (trad)<br>*La Respubliko* de Platono |
| 1996 | Poprad (SK) | La Internacia Lingvo kaj imperiaj lingvoj en internacia uzado | Paul Gubbins<br>*Kunvojaĝu!* |
| 1997 | Rafina (GR) | Helenaj influoj en la mondkulturo | Fernando de Diego (trad)<br>*Cent jaroj da soleco* de García Márquez |
| 1998 | Trieste (IT) | Romiaj influoj kaj la latina lingvo en la mondkulturo | Claude Piron<br>*La bona lingvo* |
| 1999 | Metz (FR) | Mono kaj Civilizo | XIE Yuming (trad)<br>*La Ruĝdoma Sonĝo* |
| 2000 | Motovun (HR) | Multkultureco, multlingveco kaj kunvivado | |
| 2001 | Straznice (CZ) | | |

La etoso de Internaciaj Esperanto-Konferencoj estas familia kaj klera. Malpli ol cento da homoj ĉeestas la prelegojn, varme diskutadas, mensoriĉige amuziĝas, esperantisme amikiĝas kaj mergiĝas en mondkulturon.

La temon de konferenco demokratie elektas la ĉeestantaro de la antaŭa. Ĝi povas esti io ajn, esperantisma aŭ ne. La celo de IEK estas pliriĉigi la kulturon kaj esprimkapablon de la ĉeestantaj esperantistoj, per altnivelaj, precizopostulaj interparoladoj, diskutadoj, prelegadoj. Ne temas pri ia somera universitato; la ĉeestantoj estas diskutpartneroj de la prelegantoj, kaj pro tio, la pridiskutado de prelegoj okupas pli da tempo ol la prelegoj mem.

Kvankam IEK ne estas aranĝo por neflue parolantaj esperantistoj, kurso tamen estas disponigita al komencantoj alvenantaj kun konferencanoj. La prelegoj estas analizoj de la kongresa temo je perspektivoj de diversaj homsciencaj fakoj, de historiologio, de filozofio, de lingvistiko, ktp.

(el *La Gazeto*, n° 54)

*Senkultura homo estas sklava besto* (Cicero)



**Ed Borsboom kaj Karolo Piĉ en Litomiŝlo, julio 1985**